# Kunedukado.

De *A. Ferrière*, Genève (Svisujo.)

(Fino).

Ĉu pro tio li perdis el sia vireco? Tute ne; eĉ la malo fariĝis. Ĉar jam de sia juneco, preskaŭ senkonscie, li lernis agi kun takto, zorgi pri sia persona eksteraĵo, kontroli siajn parolojn; kaj kio pli bona estas ol tio, li disvolvis en si mem la senton de l' servemo kaj, samtempe, la senton de l' memrespekto. Kiel ajn kruda li estas, ĉiu knabo havas en si mem almenaŭ fajrereton de tiu spirito de neprofitema protekto, kiu estis iam la vera esenco de l' kavalireco. Se oni bone zorgas, ke ĝi ne estingiĝu, tiu fajrereto fariĝos flamo, kiu forkonsumos en li la ĝermojn de maldelikateco aŭ perfortemo. Ni ja devas diferencigi inter maldelikateco kaj vireco. Perdante la unuan, ofte oni gajnas la alian. — La hardiĝo, kiun oni postulas de la lernejo, estas korpa kaj karaktera fortiĝo, sed ne sensentiĝo de l' koro. Oni postulas de la lernejo, ke ĝi instruu la spartajn virtojn. Nu, ĝuste ĉi tiujn la juna knabino admiras; kaj la sekreta instinkto, kiu instigas junulon sin fari inda je knabino, — eĉ se li trudmontradas, rilate al ŝi, iom da nur ŝajna malŝato, — tiu instinkto ankaŭ instigas lin valorigi sian veran virecon. Ne, kunedukado tute ne faras el junaj knaboj supersentemulojn kaj viriniĝemulojn.

Sed la juna knabino? Ĉu ŝi ne estos viktimo de ĉi tiu stato de aferoj tiel favora por la alia sekso? Ĉu kontakto kun knaboj ne faros ŝin malpli dolĉa kaj milda? Ĉu tiu spiritnaturo virina, esence tiom delikata, ne malmoliĝos? Ĉu ĝia freŝeco ne malbriliĝos, same kiel eble malbriliĝas la blankeco de ŝia vizaĝkoloro sub la suno kaj vento de l' kampoj? Kiel ajn stranga tio ŝajnas ĉe la unua rigardo, ĝuste la kontraŭo okazas! Ankaŭ la knabinoj, ĉu infaninoj aŭ jam fraŭlinoj, perdas ĝenerale, kontakte kun la vira elemento, la malgravajn mankojn de sia sekso, ne alprenante tamen kutimojn, kiuj ne konvenus al ili. Estas vero, ke ili fariĝas pli sentimaj, pli eltenkapablaj; ili havas tiom da kuraĝo, por malestimi ĉiujn malnoblajn artifikojn kaj malgrandanimajn rimedojn. Sed ilia gracieco kaj ilia modesteco tute ne malpliiĝas; oni eĉ povas aserti, ke ĉi tiuj ecoj rafiniĝas per uzado, precipe kiam la knabino rimarkas la bonfaran influon, kiun ŝi havas sur siaj virseksaj ka-

maradoj. Jam nun ŝi sin preparadas por disfluigi, dum sia tuta vivo, ĉu kiel edzino, ĉu kiel patrino, ĉu simple kiel virino, influon de sinoferemo kaj amo.

Tion instruas la sperto. Sed la sperto montras ankaŭ, ke tiuj utiloj de la kunedukado postulas, por efektiviĝi, taŭgajn ĉirkaŭaĵojn. Unue, ili bezonas agadkampon fizikan: plenan kamparon, ekzercadon en libera aero, vivon ĉiurilate higienan; sed pleje kaj antaŭ ĉio ili bezonas ĝustan atmosferon moralan: vastan sanigan spiriton de sincereco kaj honesteco. Ĉi tiujn ambaŭ kondiĉojn oni povas facile plenumi, prenante kiel modelon la vivmanieron en la nunekzistantaj „novaj lernejoj", aŭ almenaŭ, ĉar ĉiu homa laboro estas en kelkaj rilatoj neperfekta, pruntante de ili, kion ili havas plej bonan. Al ĉi tiuj kondiĉoj devas aliĝi, kiel ni jam diris, la jena: ke ĉiu sekso ricevu edukadon konforman al ĝia temperamento, ĝin pretigantan por ĝia estonta rolo en la socia vivo.

Jen, resume, kiel oni komprenas en Bedales la praktikan efektivigon de la kunedukado:

En la komenco, de la aĝo de dek unu aŭ dek du jaroj, la gelernantoj loĝas en apartaj domoj. Ĉiu domo estas aŭtonoma (memrega) en ĉio, kio koncernas ĝian internan mastrumadon: tiun ĉi oni konfidadas al la domanoj.

Oni tag- kaj vespermanĝadas komune en la ĉefa domo, kie loĝas la knaboj. La ambaŭ seksoj renkontiĝadas ankaŭ en la klasĉambroj, en la laborejoj kaj dum la horoj de ludado. Ankaŭ certaj ludoj, certaj manlaboroj, — ĉarpentado, priartaj okupiĝoj, — fariĝadas komune. Fine, la vespero, kiun oni dediĉas al la vivo sociala, kunvenigadas la gejunulojn por diskutadoj kaj paroladoj farataj aŭ de lernantoj aŭ de vizitantoj. Ĉi tiaj kunsidoj de societoj literaturaj, dramaj, sciencaj, sociologiaj, kiel ankaŭ la kunvenoj kvazaŭreligiaj, kiujn prezidas la lernejestro, estas pluaj okazoj por kunlaborado, por reciproka sinlevado al la serenaj altregionoj de l' arto, de l' scienco kaj de la idealismo morala, regionoj tiel kapablaj entuziasmigi junuiajn animojn.

Por la knaboj oni ekskluzive rezervas tiujn gimnastikajn ekzercojn, kiuj konvenas por ilia korpa edukado (ekz. la futbalon), kaj ĉiujn laborojn de terfosado aŭ kampkulturado, kiuj, postulante neordinaran streĉadon de l' fortoj muskolaj, malutilus al la korpa disvolviĝo de la knabinoj.

Dum la knaboj apartaflanke okupiĝas, oni teorie kaj praktike instruadas la knabinojn pri ĉio, kio koncernas la hejman ekonomion, pri mastrumado, pri la kuirarto, pri kudrado, pri la flegado de junaj infanoj. Ankaŭ pri infanoj el la najbaraĵo sin okupas laŭvice

la knabinoj, aŭ eĉ (ĉi tio fariĝas en la „novaj lernejoj“ germanaj) pri orfoj adoptitaj de la lernejestrino.

Kio koncernas la prisciencan instruadon, ankaŭ ĉi tie oni malsame traktadas la du seksojn. Unuflanke, la tiel nomataj „moveblaj klasoj“, — sistemo, je kiu oni enklasigas la lernantojn laŭ iliaj kapabloj, — donas la eblon konsideri ĉiujn naturajn neegalecojn en la rapideco de progresado, ĉu je la vidpunkto memora, ĉu je la rezona. Aliflanke, ĉirkaŭ centra aro de lernobjektoj devigaj grupiĝas instrufakoj laŭvolaj: tiuj rilatas la edukadon ĝeneralan, tiuj ĉi la specialan. Tio permesas grandan liberecon en la starigo de la individua instruprogramo de ĉiu lernanto. Cetere la lernejo faras ĉion eblan por certigi al ĉiu knabino ŝian normalan disvolviĝon psikologian, donante al ŝi, krom la edukado, kiun oni povas nomi „patrina“, ankaŭ tian instruadon, kiu faros ŝin kapabla venki sola ĉiajn eventualajn malfacilaĵojn de la vivo.

Jen, maldetale skizita, tio, kio fariĝas en Bedales. Tamen, neniel tiuj kondiĉoj povus certigi la sukceson moralan de kunedukada internulejo, se oni ne farus ankaŭ aliajn antaŭaranĝojn. Estas tri aferoj, kiujn oni nepre devas prizorgi, se oni ne volas iri kvazaŭ renkonte al fiasko.

1. Jam de plej frua infaneco lasi la knabojn kaj knabinojn kune pligrandiĝi, ilin ne submetante al la apartaseksa reĝimo. La plimulto da ŝtataj unuagradaj lernejoj estas geknabaj; tiaj estas ankaŭ multe da privataj lernejoj, difinitaj por infanoj aĝaj je ne pli ol dek du jaroj. Nur tiaj lernejoj devas liveri al la kunedukadaj internulejoj iliajn pliaĝajn lernantojn. Por tio la Bedales'a lernejo havas sian t. n. „Junior school“, kie kuntroviĝas knabetoj kaj knabinetoj de la aĝo de sep aŭ ok jaroj. Oni rimarkis, ke al infanoj, submetitaj jam ĉe la komenco al la apartaseksa reĝimo, estas multe pli malfacile, iafoje eĉ tute neeble, alfariĝi al la reĝimo kunedukada. Al la aliaj ĝi ŝajnas tiel natura, ke se oni ilin senigus je ĝi, ili havus kvazaŭ senton de malpleno, tiome estas ennaskita en la infana naturo tiu reĝimo nepre kaj vere normala.

2. Forigi el tiu ĉi vivo komuna ĉiujn elementojn, kiuj ne alfariĝas al ĝi, al kiuj la kunedukado ne konvenas aŭ kiuj ne konvenas al la kunedukado. Al bona edukisto ne estas malfacile distingi, el inter la infanoj, tiujn, kiujn, kvankam ankoraŭ tro junaj por esti malutilaj, oni plu ne povas lasi en mezo ambaŭseksa sen danĝero por ili aŭ por la aliaj. Tiaokaze li nepre havas la devon, ilin forigi, se estas danĝero, ke la ĉeesto de tiaj elementoj pereige influos sur la bonan spiriton de la lernejo kaj sur la tie regontajn sincerecon kaj lojalecon. Tio dependas, kompreneble, de la nombro

de la lernantoj kaj de la tradicioj de honesteco, kiuj ilin inspiras. Bona edukejo, de la tipo Bedales'a, absorbas, asimilas kaj purigas elementojn, kiuj eble ekruinigus alian lernejon, kie regas malpli alta spirito. Sed ni ripetas: Lerta edukisto povas antaŭdeturni la malbonon jam longe antaŭ ol ĝi ekmalkaŝiĝas, kiam la infano ankoraŭ estas absolute nekapabla malutili.

3. La lasta afero koncernas la edukistojn. Ne ĉiu unuaveninto, eĉ se li estas honesta, taŭgas por la rolo de instruisto en kunedukada instituto. La edukistoj kaj edukistinoj, kiuj volas tie disvolvi fruktodonan aktivecon, devas esti jam antaŭe formitaj por tiu tasko: ili devas perfekte koni la apartajn ecojn psikajn de ambaŭ seksoj, havi la veran pedagogian takton kaj scii eduke influadi ne sole sur la Infanon — kiel abstraktan koncepton — sed sur la malgrandajn konkretajn individuojn, kiujn ili havas tie antaŭ siaj okuloj. Al serioza edukisto la psikologia flarsento estas ĉiam utila; en kunedukada lernejo ĝi estas nepre necesa.

Kial tia tipo de kunedukada lernejo, kian ni ĵus priskribis, ankoraŭ ne ekzistas en iu franclingva lando, precipe en Franca Svisujo, tiu unuavica „tero de la edukado"?

Mezepokaj tradicioj, antaŭjuĝoj, aprioriaj timoj pri ĉio ankoraŭ neniam farita — jen la rifoj, kies kvazaŭmonumenta inercio kontraŭstaras al ĉiaj novaj ideoj. Ĉu ekzistas aliaj? Oni citas ordinare la „prirasan" argumenton, — la raso, oni diras, kontraŭstarus al la kunedukado. La mokema, kritikema spirito de nia junularo, ĝia manko de ĉia sento de samideaneco, — tio, oni diras, estus nevenkeblaj obstakloj. Sed vere, kiu opinias niajn infanojn neresanigeble infektitaj de la veneno de l'skeptikeco, tiu ne bone ilin konas. Se vi okaze renkontos nialande tipan specimenon de junulo seniluzia kaj nekapabla porti ian socian respondecon, demandu lin nur, kiajn lernejojn li vizitis. Ni ne volas fari tian impreson, kvazaŭ ni malbone parolus pri nia publika eduka sistemo. Ni scias ja, kiel estas grandaj la sindonemo de ĝiaj reprezentantoj kaj ilia fervoro por reformi, kie ajn ili tion nur povas. Sed ili estas ligitaj per regularoj, per precedentoj, per respektegindaj tradiciaĉoj, kiuj, enradikiĝinte jam en plena mezepoko, ŝajnas niatempe absolute nerenverseblaj. La fenestrojn de niaj kolegioj la higieno jam pligrandigis kaj la klasĉambrojn ĝi sufiĉe sanigis, sed ho ve! la psikologio ankoraŭ ne forbalais la araneaĵojn de la lernejaj programoj!

Kelkaj pretendas, ke solaj la nordaj rasoj estas sufiĉe seriozaj, por povi realigi la reĝimon de l'kunedukado kaj igi ĝin fruktoportanta. Tio ne estas nia opinio. Oni konas Francan Svisujon kiel

unu el la landoj, kie oni plej amas kanti ĥore; kaj sufiĉas aŭdi niajn junajn kolegianojn, dum iliaj promenoj aŭ en la lernejo, eklaŭtigantaj iun belan popolan kanton, por konvinkiĝi, ke ilia junula fervoro ankoraŭ neniel ŝajnas, kvazaŭ ĝi baldaŭ estingiĝos. Oni lasu ĝin libere disvolviĝi: ĝi estas simptomo de ĉiuj noblaj sentoj, de ĉiuj impulsoj de l' koro, de ĉiuj tiuj sinoferoj, kies ĝermon la infanoj jam en si portas!

Nia landeto estas la patrujo de Rousseau kaj Pestalozzi. Ĉe ni, en Svisujo, Herbart elpensis la brilantan konstruaĵon de sia eduka instruado. Fellenberg, Wehrli, François Naville, Pastro Girard kreis kaj estris ĉi tie institutojn modelajn, verajn prototipojn de la „novaj lernejoj". Ĉu nia franca-svisa tero ne povus esti ankaŭ la elektita tero de la kunedukado? Oni jam prave diris, ke al siaj plej elektindaj civitanoj la nacioj ŝuldas sian veran progresadon. Elformi elektindularon sur la bazoj de la „nova" edukado kun aldono de la kunedukada reĝimo, tio estus, laŭ nia firma konvinkeco, elformi virojn kaj virinojn kun forta volkapablo, viva inteligenteco, varma koro, individuojn memstarajn kaj spirite ĝustproporciitajn, riĉajn je vero kaj amo.

El franca lingvo tradukis

prof. *J. W. Eggleton* (Haŭbinda, Germanujo).

## Pri edukado kaj instruado en la japanaj lernejoj.

De Dro *K. Yoshida*, profesoro ĉe la instruistina edukejo por pli altaj knabinlernejoj en Tokio.[1]

Nia patrujo havas treete antikvan historion kaj kredeble estas unu el la plej maljunaj regnoj, kiuj ĝis la lasta tempo restis nekonataj en Eŭropo. Estas vere, la itala mondvojaĝisto Marco Polo jam skribis pri Japanujo en la lasta parto de la XIII. jarcento; kaj kelkaj japanoj eĉ venis en la j. 1656 en Romon por viziti la papon; sed ĝenerale nia regno estis ĝis antaŭ dek jaroj tiel nekonata, ke la plej multaj el la eŭropaj junuloj ne povis distingi japanon de ĥino.

Depost la milito kun Rusujo la nomo „Japanujo" ĉie konatiĝis. Tiu ĉi milito ludis gravan rolon por nia patrujo, nome ĝin konatigi en la tutan mondon, kvankam ĝi kostis al ni multe da homaj vivoj kaj grandaj monsumoj.

Nuntempe oni multe parolas kaj skribas pri Japanujo, kaj ekzistas multaj entuziasmeguloj je tiu lando, kiel ofte okazas en tiaj okazoj. Tamen ĉu la disvolvoŝtato de Japanujo bone estas kom-

---

[1] Mi trovis tiun ĉi artikolon en Holanda gazeto kaj tradukis ĝin por la Pedagogia Revuo. *Rim. de la tradukinto.*

prenata en Eŭropo, ankoraŭ estas demando. „Nippon“ de Freiherr von Siebold; „Japan nach Reisen und Studien“ (Japanujo laŭ vojaĝoj kaj studoj) de Prof. Rein; „Die Japaner und ihre wirtschaftliche Entwickelung“ (La japanoj kaj ilia ekonomia disvolvo) de prof. Rathgen kaj ankoraŭ aliaj verkoj estas verkitaj post ekzaktaj studoj kaj personaj observoj. Sed la disvolvo de iu regno havas siajn karakterizaĵojn, kiuj facile povas esti malbone komprenataj de fremduloj.

Tio precipe okazas rilate la abstraktan, internan kaj spiritan flankon ekzemple rilate la moralan konscion.

Tio estas la kaŭzo, ke nia disvolvoŝtato ankoraŭ ofte ne bone estas komprenata. En marto de la j. 1905 mi vojaĝis en Svisujo kaj konatiĝis en Zürich kun Dro Forster.

Iun tagon li invitis min al tagmanĝo kune kun sinjorino, al li konata. ŝia edzo kaj filino. Tiu sinjorino treege entuziasmegis pri Japanujo, kaj imagis nian landon kiel teran paradizon. Ŝi opiniis, ke nia lando ĉie estas sambelega, nia popolo kuraĝa kaj sobra, la domoj artplenaj, la ĉambroj tiel ĉarme aranĝitaj, kiel en la Japana sekcio dum la tutmonda ekspozicio en Paris, ktp.

Tiajn personojn mi ne ofte renkontis, sed la paradizo estas „utopio“, ekzistas do nenie, almenaŭ ne sur tiu ĉi tero. Ĉie estas helaj kaj malhelaj flankoj, kaj nia lando ne estas escepto. Ĝi estas maljuna, sed nia disvolvo ankoraŭ estas juna, nome nia nuna disvolvo.

Se mi renkontas tiajn entuziasmegulojn, kiel mi supre citis, tiam mi ne povas suben premi specon de hontsento. Tiaj opinio. ne konformas la faktojn; ili vere estas trotaksado de nia disvolvoj Tamen ankaŭ ne mankas la malaj, malbonaj imagoj, kiuj subtaksas nian disvolvon. La lastan someron mi legis en la legejo de la Strassburga universitato en germana ĉiumonata gazeto la jenon: „Japanoj, kvankam ili estras la de ni iom post iom eltrovitajn, koncentrigitajn kaj servebligitajn fortojn sciencajn kaj meĥanikajn, ne estas civilizitaj en la ĝusta signifo de la vorto; ili ankoraŭ estas kaj longe restos barbaruloj; barbaruloj, kiuj flugade trarapidis la ŝtupojn de la civilizacio, kaj kiuj ne havas por perdi ian memestimon, por tio ke ili ankoraŭ ne estas penetritaj de la leĝoj de memestimo, kaj ilia spirita kapableco ne disfaldiĝis sampaŝe kun ilia akirita progresado“, ktp.

Mi ne koleras pri tio; publika kritiko estas ofte pli bona ol ruza flatado. „Bonaj sanigaĵoj maldolĉe gustas“, diras unu el niaj proverboj. En la lasta duono de septembro 1905, mi trovis similan ekzemplon en Berlina gazeto; tie oni povas legi: „Civilizitaj estas

vere en Japanujo nur malmultaj; la plimulto ĉiam ankoraŭ ekzistas el duon-sovaĝaj bandoj. La japano ĝenerale prenas nur de la civilizacio, kio plaĉas al li. Moralon, ekzemple, li tute ne konas", ktp.

Mi kredas, ke tiu ĉi aserto ne konformas la faktojn. Multaj opinias, ke japanoj tro multe transprenas de la eksterlanda civilizacio, kaj tiamaniere perdas sian propran. Ne nur la eŭropanoj, sed eĉ multaj japanoj havas la saman opinion. Kaj ĉu ni efektive ne havas moralon, pri tio mi parolos en alia ĉapitro.

En decembro 1899 unu germano skribis el Japanujo en la „Ethische Kultur" la jenon: „Al la nun ekkreskanta generacio nepre ŝajnas manki profunda, etika kaj estetika civilizacio. Kia grava bezono ankaŭ estas la etika movado, kaj kiel plenespere ĝi montras la staton, kiu poste povos realiĝi; la tempo nun al mi ne ŝajnas favora por ĝenerala aplikado", ktp.

Nu, nia edukado kaj disvolvo estis ĝis nun preskaŭ ekskluzive etikaj, kaj ni havas de la j. 1897 specialan unuiĝon, kies nomo estas „Teju — Etika unuiĝo". Mallonge, nia disvolvoŝtato ankoraŭ nun restas plej ofte nekonata kaj nekomprenata.

Trotaksado kaj subtaksado — ili ambaŭ ne estas bonaj; ĝuste kompreni estas necese, pro tio, ke laŭ mia opinio la plej multaj malpacoj, militoj, ktp. nur naskiĝas per malkompreno.

### *Japana edukado antaŭ la rebonigo en la j. 1868.*

La jaro 1868 estas en la historio de la edukado en Japanujo grava epoko. Ni distingas la tempon antaŭ la rebonigado kaj tiun post ĝi. [Tiu ĉi rebonigado propre signifas politikan revolucion, per kiu la imperiestro (Mikado), kiu pli ol 200 jarojn nur laŭ nomo estis guvernanto de nia lando, nun efektive iĝis reganto de nia regno]. La unue nomita tempo estis sub la influo de la ĥina disvolvo, la lastnomita sub la eŭropa, ekskluzive eŭropa-amerika disvolvo.

Laŭ la ortodoksa antikva historio, nia imperio estas fondita en la j. 660 antaŭ Kristo; sed la organizacio de la pedagogia agado komencas unue en la j. 285 post Kristo, kiam scienculo, sendita de la Korea reĝo al nia imperiestro, alportis ĥinajn skribaĵojn.

De tiu tempo ofte venis multaj scienculoj el Koreo al Japanujo kaj restis tie kiel ĉefscienculoj ĉe nia imperiestra kortego. Tiamaniere la ĥinaj skribaĵoj estis jam tiutempe ĉe ni enkondukataj; ĉu ni ankoraŭ posedas tiutempan propran skribaĵon estas dubeble. Ofte estas dirite, ke ni jam havis ilin en la mitologia tempo t. e. antaŭ la j. 660 a. K.

La plimulto el la scienculoj neas tiun ĉi aserton kaj opinias, ke la tiel nomita „diskribo“ estis Korea skribo. Estas ankaŭ tre verŝajne, ke la ĥina skribo jam estis konata ĉe ni antaŭ la 285-a jaro post Kristo; ĉar la sudorienta loĝantaro jam dum multaj jarcentoj interrilatis kun Koreo kaj Ĥinujo kaj eĉ triona parto de Koreo estis almilitita de nia imperiestro mem. Sendube du faktoj estas nerefuteblaj. Unue ĝis la 285-a jaro p. K. la skribo estis nesciata de la plimulto de la japana loĝantaro; due en la organizita edukado de Japanujo, la ĥina skribo, nome la konfucia dogmo, estis uzata de la komenco.

En la j. 402 en ĉiu provinco regna oficisto devis zorgi pri enkondukado de iu skribmaniero; poste iu Princo-Reganto eldonis leĝon, kiu konsistis el 17 paragrafoj. En la j. 645 estis fondita granda registara organizacio laŭ la ĥina modelo. En la j. 664 estis fondita la unua publika instruejo, kies instrufakoj ekskluzive ekzistis el ĥina literaturo kaj disvolvo.

En la j. 701 estis kunmetita la leĝaro kaj diskonigita kaj samtempe ankaŭ ordono pri edukado.

Tiu ĉi estas la unua lerneja leĝdono en Japanujo; pli ol 100 jaroj antaŭ la lerneja ordono de Karolo la Granda.

Baldaŭ poste nia registaro fondis universitaton kun kvar fakultatoj, nome por historio, konfucia filozofio, leĝoscienco kaj matematiko. Tiu ĉi estis la unua universitato en Japanujo, kaj 583 jarojn pli frue ol la universitato en Heidelberg, la plej maljuna universitato en Germanujo. Krom tio en ĉiu provinco estis fondita akademio kun tri fakultatoj, kaj multaj studentoj estis sendataj al Ĥinujo. De la komenco de la oka ĝis la fino de la deka jarcento estis la unua florado-tempo en la japana literatur-historio. La propraj japanaj skribaĵoj, nome la tiel nomata „Katakana“ kaj „Hirakana“ tiutempe estis skribataj. Nia plej bela literaturo, romanoj, rakontoj, priskribaĵoj kaj poeziaĵoj devenas el tiu periodo. La ĥina disvolvo senĉese regas la plej altan klason de la societo. De la XII. ĝis la XVII. jarcento oni efektive povas paroli pri mallumaj jarcentoj. La ĵus nomitaj universitatoj kaj akademioj estis fermitaj kaŭze la milito kaj malpacoj, kaj kiel dum la mezjarcentoj en Eŭropo, la pastraro estis la sola konservanto de la disvolvo.

La Buddhismo estis enkondukata Japanujon de Korea reĝo jam en la j. 522 kaj treege disvastiĝis precipe dum la VII. jarcento. Dum la tempo, en kiu la glavo kaj la armiloj estris la landon, kelkaj sektoj helpis sian pastraron je tiu ludo; sed la plimulto sin kontentigis retiri sin el tiu malpastra influo kaj edukis la geinfanojn de burĝa deveno.

La popola edukado estis komencata ĉe ni, kiel en Eŭropo, de la pastraro. De la j. 1603 ĝis 1868 la Tokugava familio efektive regis la tutan landon, kvankam la sankteco de nia imperiestra dinastio restis netuŝita kaj la paco revenis en nian insularon.

En tiu tempo komencis la dua florad-epoko de nia literaturo. Kaj la literatura disvolvo disvastiĝis ĝis en la plej malsuprajn popolklasojn. La Tokugava familio fondis en sia loĝurbo Tokio akademion, kaj ankaŭ aliaj princoj faris la samon en siaj urboj.

En tiuj lernejoj la konfuciaj klasikoj estis preskaŭ ekskluzive instruataj; kaj la plimulto de la scienculoj skribis ĥine. Krom tiuj ĉi lernejoj kaj tiu ĉi skribo estis ankoraŭ aliaj konataj scienculoj kaj verkistoj de la propra japana literaturo. Tamen oni povas certece diri: la japana edukado, precipe en la lernejoj por pli vasta instruado estis antaŭ la rebonigo de la j. 1868 laŭ formo kaj enhavo vere ĥina, kaj speciale konfucia. Mi ne volas plie priparoli tiun edukan sistemon; la jen donita priskribo estas sufiĉa por nia celo, nome kompreni la kernon de la japana edukado en tiu tempo.

*La japana edukado post la rebonigo en la j. 1868.*

Same kiel la japana edukado ĝis la rebonigo estis sub la influo de la ĥina civilizacio, tiel nia nuna edukado staras sub la eŭropa-amerika civilizacio. La eŭropanoj miras, ke nia patrujo en tiel mallonga tempo proprigis al si la eŭropan civilizacion. Tamen kiu nur ĵetas unu ekvidon en la historion de nia lando, povas trovi facile klarigon. Nia popolo de la plej fruaj tempoj kutimiĝis proprigi al si eksterlandan civilizacion. Ĉe ni oni opinias: ne estas malhonoro sekvi la civilizacion de aliaj landoj; kontraŭe oni estas fiera transpreni bonaĵojn kaj utilaĵojn de aliaj. Al ni do jes iamaniere mankas firma memkonfido; sed per tio ni ankaŭ ne trotaksis nian propran civilizacion. Adaptemeco kaj aliiĝemeco iĝis per la historia disvolvo parto de nia popolkaraktero. Tute kontraŭan ekzemplon oni havas en Ĥinujo. La ĥina popolkaraktero estas malŝanĝebleco kaj maladaptemeco, kaj ni kredas, ke ankaŭ tio ĉi estas la sekvo de la historia disvolvo. Jam en la j. 1200 a. K. Ĥinujo havis bonegan civilizacion. Eĉ Konfucio, kiu vivis en la V. jarcento a. K. jam ĉiam diris: „Mi nepre ne scias novaĵon; kion mi diras nur estas tio, kion niaj antikvaj saĝuloj jam de longe estas dirintaj; mi nur klarigas la dogmon de la antikvaj saĝuloj.“

En Ĥinujo la idealo kuŝas en la estinto ne en la estonto kaj la centro de tiu idealo restas ĉiam en la propra lando. Ĥinujo vere estis multe da postsekvantaj jaroj la centro de oriento-ariata

civilizacio. La ĥinoj rajte nomis sian regnon „la mezlando“ en la signifo de „centro de la civilizacio.“ Tial ili ne volis kaj verŝajne ili ankoraŭ nuntempe ne volas sekvi alian civilizacion. Ili restas konservemaj, fieraj kaj homevitemaj por fremduloj. Ili nomis la eŭropanojn kaj japanojn barbaruloj aŭ diabloj, kiel la grekoj la romanojn kaj germanojn nomis barbaruloj. Nature tiu opinio dum la tempoj iom ŝanĝiĝis; sed la pli ol miljara historia produkto ne tiel baldaŭ povas aliiĝi. Mallonge, la adaptemo de nia popolo estas historiaĵo. Post la rebonigo la konstruŝtofoj aliiĝis tamen la formo de tiu karaktero restis neŝanĝita. Mi pri tio nepre ne estas fiera; mi nur donas historiajn faktojn. La historion de la edukado post la rebonigo oni povas dividi en tri periodojn: 1. tiu aŭ la franca; 2. tiu laŭ la angla-amerika kaj 3. tiu laŭ la germana modelo.

La lerneja organizacio de la j. 1872 estas preskaŭ litere laŭ la franca modelo; la tuta regno estis dividita en 8 universitataj distriktoj; la universitato, la lernejoj por pli vasta kaj elementara instruado, estis sammaniere aranĝitaj kiel en Francujo; sed baldaŭ la angla-amerika influo venis trans la oceanon kaj en la komenco de la jardeko 1880—1890 nia lerneja organizacio estis ripete ŝanĝita laŭ la amerika modelo. En la komenco de epoko 1890—1900 ĝi ree estis ŝanĝita, kaj nun laŭ germana modelo.

En la pedagogio la skolo de Herbart anstataŭis tiun de Spencer kaj Pestalozzi, kaj la reorganizacio de la elementara lernejo en la j. 1890 okazis nepre laŭ la germana popola lernejo.

La nuna japana lernej-sistemo estas nepre ne simpla, sed tre malsimpla historia produkto.

La forta centralizaciemo montras ankoraŭ la restojn de la franca influo; en la lernejoj por plivasta instruo kaj en la universitatoj nuntempe ankoraŭ parte regas la angla-amerika influo. Mi ne opinias ĝin peninda nun detale priskribi la japanan lernej sistemon tial, ke ĝi ĝenerale tre multe similas la eŭropan. Nur por havi ĝeneralan supervidon mi nomos kelkajn aferojn.

La ĉefaranĝo de nia lerneja organizacio konsistas el 4 lernejoj, nome: 1. la elementara lernejo; 2. lernejo por plivasta instruo; 3. la meza lernejo kaj 4. la universitato.

La kurso de la elementara lernejo povas esti 6-, 7- aŭ 8 jara sed ofte ĝi estas 8-jara, kiel la Prusa popollernejo. La diferenco inter la Prusa popollernejo kaj nia elementara lernejo estas nur, ke ĉiuj niaj infanoj vizitas tiun lernejon, kaj nur post ses jaroj ili povas transiri lernejon por plivasta instruo, ĉar ni ne havas interlernejon.

La lernejo por plivasta instruo estas kvinjara, kaj la meza lernejo trijara; la unua aliĝas al la plej malaltaj klasoj de la nuna gimnazio; la dua al la plej altaj klasoj.

Anstataŭ la greka lingvo ni lernas la ĥinan, anstataŭ latinan la anglan kaj germanan lingvojn. La meza lernejo havas 3 sekciojn, nome: la leĝo-literaturan, la natur-sciencan kaj la kuracan; ĉirkaŭe simile al la franca liceo. La universitato konsistas el 6 fakultatoj: la leĝa, la kuraca, la teknika, la filozofia, la natur-scienca kaj la terkultura. Ni ne havas teologian fakultaton, ĉar ĉiu Buddhista sekto havas sian propran seminarion.

La leĝa kaj kuraca fakultatoj havas kvarjaran, la ceteraj trijaran kurson. Laŭ la publikigitaj komunikoj pri la j. 1904 ni havas 2 universitatojn, 8 mezajn lernejojn, 269 lernejojn por plivasta instruo kaj 27.138 elementarajn lernejojn. 93% de niaj lernejdevigaj infanoj vizitas la elementaran lernejon. Pri la reguligo de la lerneja observado ni ne multe parolos. Niaj lernejoj estas nepre malpa straraj. La pastraro tute ne rilatas la lernejon.

Kiel daŭrigo de la elementara lernejo ni havas krom la lernejo por plivasta instruo ankoraŭ tri instituciojn: 1. la pli alta knabinlernejo kun kvar- aŭ kvinjara kurso; 2. la burĝaj lernejoj kun diversjaraj kursoj kaj 3. la lernejo por pliaj studoj kun diversnombraj kursoj.

El la lernejo por plivasta instruo oni ankaŭ povas transiri en diversajn fakklasojn; ekzemple en la teknikan, la kuracan, la komercan, la militan aŭ la navigacian; mallonge, la lernejaro en Japanujo estas ĝenerale la sama kiel en la civilizitaj ŝtatoj de Eŭropo.

Ankoraŭ kelkajn vortojn mi devas diri pri la klereco de la virinoj en Japanujo. Ĉe ni la knabinoj ankoraŭ ne povas viziti la imperiestran universitaton, ĉar la preparigaj institutoj ne ekzistas; sed krom la pli altaj knabinlernejoj ni havas la edukejojn por la popollernejaj instruistinoj kaj por pli altaj knabinlernejoj.

Estas ankoraŭ diversaj meti-lernejoj por knabinoj same kiel speciala knabin-universitato, kiu nepre estas aranĝita laŭ la amerika modelo. Tradukis *M. J. Wessel* (Rotterdam, Nederlando).

## Pri la komitatoj, ekzamenantaj la literaturon por la junularo.

De *Oskar Melzer*, instruisto en Chemnitz (Germanujo).

Ofte oni legas en gazetoj aŭ aŭdas en juĝejoj pri krimaj faroj de junuloj. Se oni serĉas la kialon de tiuj ĉi agoj, oni sciiĝas, ke la pekinto fervore legis filibrojn. Li penis imiti, eĉ superi la

fantazian heroon de la rakonto kaj fariĝis krimulo. — Jam depost multaj jaroj la germana instruistaro batalas kontraŭ malbonaj libroj, kiujn senkonsciencaj aŭtoroj skribis kaj profitemaj komercistoj vendas. Naskiĝis unue en grandaj urboj komitatoj, kies celo estas la leglibrojn studadi kaj ekzameni, tiam rekomendi aŭ rifuzi. En 1891 unuiĝis la komitatoj. De 1893 aperas propra monata gazeto „Jugendschriften-Warte“ kiel aldonaĵo de fakaj gazetoj. La centra aŭ estra komitato estas en Hamburg, de kie la ekzamenotaj libroj estas sendataj al 5 aŭ 6 komitatoj. Tiuj ĉi provas la libron kaj sendas la juĝon al Hamburg. La juĝoj estas publikigataj en la „Jugendschriften-Warte“.

La komitatoj unuiĝis ankaŭ pri la principoj, laŭ kiuj ĉiu libro estas esplorota. En la komenco de la movado oni nur konsideris, ĉu la stilo estas bona kaj fluanta, ĉu la enhavo estas komprenebla por lernantoj kaj taŭga por ilia spirita kaj morala klero. Sed baldaŭ oni plialtigis la postulojn. Ĉar nur la plej bona estas sufiĉe bona por la infano. Laŭ la propono de s-ro Wolgast en Hamburg estas postulata, ke ĉiu verko por junuloj estu artverko. Plue oni postulis, ke ĉiu verkaĵo estu libera de tendencoj. Ĉar multaj aŭtoroj skribis librojn en la intenco ja laŭdinda, la legantojn instrui, morale plibonigi, religie aŭ patriote eksciti; sed artverkoj tiaj verkaĵoj ne estas. La tendenco devas kovri la mankon de la poezia valoro.

La 122 komitatoj, kiuj nun ekzistas, ekzamenis multajn milojn da libroj; sed nur 10—15 procentoj estis rekomenditaj. La komitatanoj parolis en publikaj kunvenoj pri la malutilo de la filibroj kaj pri sia celo kaj laboro. Ili publikigis en gazetoj koncernajn artikolojn. La plej taŭga tempo por la propagando estas la semajnoj antaŭ Kristnasko. Je tiu ĉi festo preskaŭ ĉiu Germano donacas al siaj gefiloj libron. Laŭ kutimo li iras en bazaron aŭ librovendejon kaj aĉetas iu ajn libron. Decidigaj por la elekto ofte estas nur la eksteraĵo kaj bildoj, ne la enhavo.

Por atentigi la gepatrojn kaj infanojn pri legindaj libroj, listo de bonaj bild- kaj leglibroj estas disdonata al la lernantoj. Tiujn ĉi verkojn, ordigitajn laŭ la lernaĝo, en grandaj urboj la komitatanoj ankaŭ ekspozicias. Ja en Chemnitz ili instigis librovendiston ke dum la jarfoiro li vendis en budo malkarajn librojn. Tiamaniere venis multe da artaj legaĵoj en la popolon.

En la lasta tempo ili forigis la lastan malhelpaĵon. Bonaj libroj estas ofte multekostaj. La komitatanoj nun elektis el la germana literaturo verketojn kaj eldonis artvalorajn, malkarajn librojn. Ili ankaŭ stimulis eldonistojn kaj aŭtorojn helpi ilin.

Post multaj bataloj la multjara senlaca kaj neprofitema laboro sukcesas. La antaŭjuĝoj, ke instruistoj ne estas kompetentaj kiel kritikistoj, mutiĝas. La principoj estas ekkonataj kiel ĝustaj. „Nik Karter“, „Ŝerlok Holm“ kaj aliaj delogistoj malaperis el la montraj fenestroj. Certe la komitatoj pereigis la negocon de certaj verkistoj kaj komercistoj; sed ili helpis plibonigi la literaturan guston de nia junularo, eĉ de nia popolo.

*Rimarko de la aŭtoro.* Estas certe interese sciiĝi, ĉu ankaŭ en aliaj landoj ekzistas similaj institucioj. Mi estas volonte preta, detale respondi letere demandojn pri niaj ekzamenaj komitatoj.

## Iom pri la instruado en Danujo.

De *P. Zoffmann*, instruisto en Kolding (Danujo).

Ciu 7–14jara infano devas iri en la popollernejon, se ne estas zorgata por alia sufiĉa instruado. Oni havas la rajton sendi infanon en lernejon, kiam ĝi estas 6jara. La instruado estas senpaga krom en kelkaj de la lernejoj, en kiuj estas instruado pli etenda.

Geinstruistoj devas instrui 246 tagojn jare. En la urboj la klasoj devas havi meznombre malplej 21 horojn semajne krom la horoj por gimnastiko, desegnado, lignoverkado (slojdo), kaj virina manlaboro kaj mastrumado. En la vilaĝoj la klasoj devas havi meznombre malplej 18 horojn sumajn krom la horoj por gimnastiko kaj manlaboro. En multaj vilaĝoj la infanoj nur estas 3 tagojn semajne en la lernejo. Se infano forrestas de la lernejo en leĝa kaŭzo, la gepatroj devas pagi monpunon.

Kiam la instruisto instruas 36 horojn semajne en la vilaĝoj mezonombre, estas unu instruistro por du klasoj. La nombro de la infanoj en klaso meznombre devas esti plej multe 37 infanoj. Se estas pli ol du klasoj ĝenerale, krom instruisto ankaŭ estas instruistino; ofte estas tiam antaŭlerneja instruistino, kies salajro ne estas tiel granda, kiel tiu de geinstruisto. En la urboj estas ĉiutaga lernej-grado por la infanoj. En la klaso meznombre devas esti plej multe 35 infanoj. En kelkaj urboj kaj vilaĝoj knaboj kaj knabinoj estas en samaj klasoj, sed ne en la plej multaj urboj.

Devigaj fakoj en la urboj estas: buŝa kaj skriba dana lingvo (malplej 287 horoj jare), religio, skribado, kalkulado, historio, geografio, kantado, desegnado, gimnastiko kaj virina manlaboro; nedevigaj estas: naturhistorio, fiziko, dietetiko kaj higieno, lignoverkado kaj virina mastrumado, kaj kie oni havas pli etendan instruadon: matematiko kaj vivaj lingvoj.

En vilaĝoj estas devigaj: buŝa kaj skriba dana lingvo (287 horoj), religio, skribado, kalkulado, historio, geografio, kantado,

gimnastiko (por knaboj) kaj virina manlaboro (se estas instruistino); nedevigaj estas: naturhistorio, fiziko, dietetiko kaj higieno, lignoverkado kaj gimnastiko (por knabinoj).

La kulta ministro povas permesi instruadon en aliaj fakoj, se la loka lernejestraro tion deziras. Kiam fako estas enmetita en la instruad-programon, la lernantoj devas partopreni. Ili tamen povas esti liberigitaj en la horoj por religio, se la gepatroj staras ekster la popoleklezio, sed alie ne.

Kiel ekzemplo pri la divido de la horoj inter la diversaj fakoj mi montros la hor-planon en mia urbo Kolding. Ni havas pli etendan instruadon, sed tute senpagan. Ĉiuj libroj k. c., kiuj nur estas uzataj en la lernejo ankaŭ estas senpagaj kaj kiam la gepatroj ne havas monon por aĉeti la aliajn librojn ankaŭ tiuj ĉi.

Hora plano:

| | klaso | religio | dana lingvo | skribado | pririgarda instr. | kalkulado | historio | geografio | naturhistorio | fiziko | germana aŭ angla lingvo | desegnado | kantado | gimnastiko | virina manlaboro | „ mastrum. | lignoverkado | horojn semajne |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Knaboj | VII | 2 | 7 | 1 | – | 5 | 2 | 2 | 2 | 2 | 4 | 2 | 1 | 2 | – | – | 2 | 34 |
| | VI | 2 | 7 | 1 | – | 5 | 3 | 2 | 2 | 2 | 3 | 2 | 1 | 2 | – | – | 2 | 34 |
| | V | 3 | 7 | 2 | – | 5 | 3 | 2 | 2 | 1 | 3 | 1 | 1 | 2 | – | – | 2 | 34 |
| | IV | 3 | 8 | 3 | – | 5 | 2 | 2 | 2 | – | – | 1 | 1 | 2 | – | – | 2 | 31 |
| | III | 3 | 9 | 4 | – | 5 | 2 | 1 | 1 | – | – | – | 1 | 2 | – | – | – | 28 |
| | II | 2 | 8 | 4 | 2 | 6 | – | – | – | – | – | – | 2/2 | 2 | – | – | – | 25 |
| | I | 4/2 | 8 | 4 | 4/2 | 5 | – | – | – | – | – | – | 2/2 | 2 | – | – | – | 24 |
| Knabinoj | VII | 2 | 6 | 1 | – | 5 | 2 | 2 | 2 | 1 | 2 | 2 | 1 | 2 | 4 | 4 | – | 36 |
| | VI | 2 | 7 | 1 | – | 5 | 3 | 2 | 2 | 2 | 3 | 2 | 1 | 2 | 4 | – | – | 36 |
| | V | 3 | 7 | 2 | – | 5 | 3 | 2 | 2 | 1 | 3 | 1 | 1 | 2 | 4 | – | – | 36 |
| | IV | 3 | 8 | 3 | – | 5 | 2 | 2 | 2 | – | – | 1 | 1 | 2 | 4 | – | – | 33 |
| | III | 3 | 9 | 4 | – | 5 | 2 | 1 | 1 | – | – | – | 1 | 2 | 4 | – | – | 32 |
| | II | 2 | 8 | 4 | 2 | 6 | – | – | – | – | – | – | 2/2 | 2 | 4 | – | – | 29 |
| | I | 4/2 | 8 | 4 | 4/2 | 5 | – | – | – | – | – | – | 2/2 | 2 | 4 | – | – | 28 |

## Administrado kaj inspektado de la saksaj lernejoj.

De *Felix Uhlmann*, instruisto en Chemnitz (Saksujo, Germanujo).

La 15. de majo 1906 ekzistis en Saksujo 1913 lokoj kun 2364 popolaj lernejoj kaj 1707 lokoj sen lernejoj. El tiuj estis 2302 publikaj, 13 unuiĝaj kaj 49 privataj institutoj. La nombro de la infanoj vizitintaj lernejon sumiĝis je 780.205, nome 382.310 knaboj kaj 397.805 knabinoj. Krom tio ekzistis ankoraŭ 1967 lernejoj por pliklerigo, kiuj estis vizitataj de 91.915 gelernantoj. Hodiaŭ estas certe la nombroj de la nomitaj lernejoj kaj lernuloj iom

pli grandaj; ĉar ankaŭ la nombro de la geinstruistoj kreskis de 13.542 ĝis 14.034 (en la j. 1909).

La plej supera oficistaro estas la ministrejo por la kulto kaj publika instruado. Do ni Saksoj ne ankoraŭ estas tiel feliĉaj kiel la kolegoj en kelkaj ŝtatoj: ni ne posedas apartan ministrejon nur por lernejaj aferoj. Kontraŭe, la ekleziaj aferoj — la supernomita nomo rimarkigas ĝin — ŝajnas valori ĉiam ankoraŭ en Saksujo pli ol la lernejaj! La ministro estas juristo, kiel preskaŭ ĉiuj ministroj ĉe ni. Li kaj liaj konsilantoj administras tre grandan fakon: ĉiujn ekleziajn aferojn (protestantajn, katolikajn, hebreajn kaj aliajn) kaj ĉiujn lernejojn de la popola lernejo ĝis la universitato.

Saksujo estas dividita en 31 distriktoj. La administrado de ĉiu distrikto estas nomata lerneja inspekcio, kiu konsistas el la distrikta inspektoro kaj la urbestraro (en la urboj kun reviziita urbregularo) aŭ el la inspektoro kaj la prefekto de la rilata distrikto. La inspektero ekzamenas sole la instruadon de la instruistoj, ambaŭ administras la eksterajn aferojn lernejajn, nome konstruadon de novaj lernejdomoj aŭ de novaj lernejaj ĉambroj, pligrandigon aŭ malpligrandigon de lernejaj distriktoj k. t. p. La inspektoro devas viziti ĉiujare unufojon ĉiun instruiston de sia regiono kaj sciigi pri tiu al la ministrejo; bedaŭrinde, tiuj aktoj estas sekretaj! Malbona raporto povas efiki, ke la rilata kolego ne ricevas la proksiman monaldonon. Ĉiujare okazas en ĉiu distrikto ĉefkunveno, al kiu ĉiu kolego devas aperi. Kelkaj kolegoj faras paroladojn pri pedagogiaj interesaj aferoj, krom tio la inspektoro raportas pri la kreskado de la lernejoj kaj lernantoj en sia distrikto, pri mortintaj kolegoj, pri jubileoj kaj fondaĵoj k. t. p.

Krom tiu ĉefinspekcio ni ankoraŭ posedas — ĉu ni ne estas enviindaj homoj?! — lokan inspektoron, en multaj urboj eĉ kelkajn. En ĉiuj lokoj, kiuj havas malpli ol 6 instruistojn, la inspektoro estas la pastro; li devas ekzameni ĉiujn fakojn lernejajn, sed li ne devas ordoni aŭ kritiki metodon instruadan. Krom la pastro la lernejo en suprenomitaj lokoj estas administrata per komitato de la komunuma konsilantaro, nomata ankaŭ la „lerneja komitato“. Al tiu apartenas ĉiam la pastro kaj la unua instruisto, krom tiuj kelkaj elektitaj membroj de la komunuma konsilantaro. La pastro kaj ĉiu alia persono povas esti prezidanto de la lerneja komitato, sed — bedaŭrinde — la instruisto neniam!

Se loko tiel kreskas, ke ĝi bezonas pli ol 6 instruistojn, ĝi devas ofici direktoron, kiu tiam estas la loka inspektoro. La pastro havas tiam nur la rajton ekzameni la religian instruadon. En la grandaj urboj povas ekzameni krom tio la ĉefpastro, la gimnastika

kaj la desegna inspektoro. Ankaŭ tie ĉi la direktoro ne sole administras la lernejon, sed ankaŭ komitato lerneja, al kiu ĉiam apartenas — laŭ la grandeco de loko — unu aŭ kelkaj direktoroj kaj instruistoj kaj unu aŭ kelkaj pastroj.

En la lernejo mem posedas la rajton kaj potencon nur la loka inspektoro, la insruistaro devas plenumi, kion „la maljuna" ordonas. La direktoro sole destinas la horoplanon, li sole disdonas la klasojn al la kolegoj k. t. p. Kvankam li ankaŭ okazigas konferencojn kun siaj geinstruistoj, tamen estas tio sen ĉia valoro, ĉar la kolegoj nur devas konsili, sed ne postuli, kaj la direktoro ne bezonas efektivigi la decidojn de la instruista kunveno. Ke la saksa instruistaro ne estas kontenta pri tia stato, ĉiuj kolegoj eksterlandaj volonte konsentos. De kelkaj jaroj ni okupas nin pri tiu demando, niaj postuloj jam estas formulitaj kaj preskaŭ unuvoĉe akceptitaj dum la lasta delegita kunveno de la saksa instruista unuiĝo en Dresden (Kristnasko 1909).

## La instruisto en Kroatujo.

De *Josef Anschau*, inspektoro en Osiek (Kroatujo-Aŭstrio).

La geinstruistoj ĉe la publikaj lernejoj estas publikaj geoficistoj, sed nek ŝtataj, nek komunumaj.

La provizorajn kaj definitivajn instruistojn nomas la registaro.

Post en oficiala gazeto anoncita konkurso, la petskriboj estas sendataj al la distrikta lernejkomitato, kiu ilin transdonas al la loka lerneja komitato por fari proponon de tri personoj al la registaro.

Nu, ekzistas ankaŭ privatuloj kun tia rajto, kiuj kiel grandaj bonfarantoj ĉe la fondiĝo de lernejo estas rajtigitaj proponi instruiston. Krom la orgenista kaj kantista servo estas ĉiu alia okupo malpermesata al instruisto.

Definitiva instruisto fariĝas nur tiu, kiu estas kroata-hungara ŝtatano kaj posedas ateston, akiritan de ekzamena komisiono en Aŭstrio-Hungario.

La lingvon kroatan nesciantaj devas sin subteni al ekzameno pri tiu lingvo.

Por provizora ofico oni postulas la ekzamenon de matureco

Post dujara praktika servado per speciala ekzameno la instruisto kapabliĝas por definitiva ofico.

La geinstruistoj ricevas sian salajron por ĉiu monato antaŭe el la komunumaj kasoj (nur en la lokoj de iama „milita limo" el la komitata kaso). La baza salajro por la provizoraj instruistoj estas 700 kronoj, por la definitivaj 800 kronoj jare. Krom tio brullignaĵo, peco da kampo aŭ almenaŭ ĝardeno kaj tie ĉi kaj tie speciala enspezo por la preĝeja servo (orgenista kaj kantista.)

En la urboj kaj pli grandaj vilaĝoj la geinstruistoj ĝuas lokan aldonaĵon, kiu ne estas kalkulebla por la pensio.

Instruistojn sen laŭleĝa ekzameno povas la distrikta lernejkomitato starigi kiel anstataŭantojn kun monata rekompenco da 50 kronoj.

Post kvinjara senriproĉa kaj sukcesa funkciado kreskas la baza salajro po 100 kronoj. Geinstruisto, servinta 40 jarojn, havas pension da 1400 kronoj.

Kontraŭ instruistoj, ne plenumintaj per la ofica ĵuro prenitajn devojn, estas uzataj laŭgradaj disciplinaj rimedoj.

La plej milda rimedo estas flanke de la loka lerneja komitato per ĝia prezidanto farita admono. Pli severaj punoj estas: la riproĉo skribe donita de la distrikta lernejkomitato; monpuno, sumiĝanta 10—40 K profite por la instruista pensia kaso; perdo de la ricevita aŭ ricevota po kvinjara aldonaĵo; senigo de la estra honoro; translokiĝo al alia lernejo kaj fine eksigo el la instruista ofico. La lasta puno estas uzata kontraŭ tiu, kiu per tro severa nehumana korpa puno difektas infanojn kaj per kontraŭreligia kaj nemorala konduto ne estas ebla kiel instruanto kaj edukanto.

En ĉiu okazo estas esplorata kaj atestata la kulpo kaj nur poste sekvas la decido, kontraŭ kiu oni povas fari proteston al la pli alta estraro.

## Elementara lernejo en Bulgarujo.*

De *Gavrail Popov*, instruisto en Bela Slatina (Bulgarujo.)

Celo de element. lernejoj estas doni fundamenton por ĉiuflanka kaj harmonia disvolviĝo de geinfanoj. Instruado en elementaraj lernejoj estas deviga kaj senpaga por ĉiuj bulgaraj regatoj. Tiu ĉi devigo disvastiĝas je ĉiuj infanoj, kiuj korpe kaj spirite estas disvolvitaj normale kaj havas aĝon de 7—14 jaroj. Por nenormalaj infanoj ministraĵo de popola klero malfermas aŭ helpas malfermi similajn lernejojn.

Instruado en elementaraj lernejoj daŭras 4 jarojn kaj povas esti komuna por infanoj ambaŭseksaj. En tiuj ĉi lernejoj oni ellernas sekvantajn objektojn: religia scio, bulgara lingvo, kalkulado kaj geometria desegnado, geografio de Bulgarujo. civila instruado, mallongaj sciigoj de komuna geografio, naturhistorio kaj komencoj de dommastrumado, higieno, desegnado kaj kaligrafio, kantado kaj gimnastiko kaj fine manlaboroj.

En elementaraj lernejoj lernantoj estas dividitaj en „otdelenioj" (klasoj), el kiuj ĉiu respondas al unu jaro. Transiro el unu klaso al pli supra okazas laŭ jara sukceso de lernanto. Ĉe forlaso de lernejo estas farata ekzameno el bulgara lingvo, kalkulado, patrujscio kaj naturscio.

Instruadjaro daŭras de 1. septembro ĝis 29. junio (malnova stilo). En vilaĝoj instruado povas esti pli mallonga ol 10 monatoj. Lernanto en unuaj 2 jaroj ne devas esti okupita dum tago pli longe ol 4 horojn kaj poste ne pli longe ol 5 horojn. Unu instruisto ne povas instrui pli multe ol 50 infanojn. Ĉiu vilaĝo, kiu havas 40 domojn, devas havi lernejon.

Elspezoj por popolaj lernejoj estas pagataj de ŝtato kaj komunumoj aŭ tute de ŝtato. Komunumoj pagas por ĉiu instruisto

* Laŭ nova leĝo por popola klero el j. 1909.

en popola lernejo po 450 frankoj jare; restaĵon pagas ŝtato. Parto de instruistaj salajroj, kiujn pagas komunumoj kaj departementoj estas kolektataj de ŝtato kaj instruistoj ricevas sian salajron el ŝtata kaso.

*Geinstruistoj en elementaraj lernejoj.* Kiu volas fariĝi konstanta instruisto en elementara lernejo, tiu devas: a) esti bulgara regato; b) havi senriproĉan pasinton; c) esti almenaŭ 20jarulo; ĉ) esti sen fizikaj mankoj kaj ne suferi per iu nekuracebla aŭ infekta malsano; d) esti fininta studadon en pedagogia lernejo kaj esti libera de militista servo; e) havi unujaran praktikon en iu elementara lernejo; f) fari ŝtatan praktikan ekzamenon. Kandidatoj devas fari ŝtatan ekzamenon en daŭro de 3 jaroj; kiu ne faris ĝin, estas eksigita. Oni povas aperi je tiu ekzameno plej multe 3 fojojn. — Se mankas personoj respondantaj al kondiĉo d), tiam povas esti instruistoj ankaŭ tiuj personoj, kiuj finis studadon en gimnazio aŭ pastra seminario, sed ili estas nur provizoraj instruistoj kaj ricevas saman salajron kiel kandidatoj de instruista ofico. Se ili poste volas fariĝi instruistoj konstantaj, ili devas antaŭe studi dum 3 jaroj en iu pedagogia lernejo, kie oni faras specialan teorian kaj praktikan ekzamenon.

Geinstruistoj-kandidatoj ricevas jare salajron 1020 frankoj, geinsruistoj konstantaj 1440 fr. kaj kvarfoje — ĉiam post 5 jaroj — po 240 fr. — Diferenco inter salajro de instruistoj kaj instruistinoj ne ekzistas, kiel ĝi ne ekzistas ankaŭ inter salajroj de geinstruistoj urbaj kaj vilaĝaj.

*Iom da statistiko* (el j. 1907—1908). En Bulgarujo estas 3.148 element. lernejoj kun 357.646 gelernantoj kaj 7.686 geinstruistoj, nome:

| Lernantoj | Klasoj | | | | Ĉio |
|---|---|---|---|---|---|
| | I | II | III | IV | |
| Knaboj . | 83.076 | 55.576 | 47.270 | 37.096 | 223.018 |
| Knabinoj | 60.728 | 34.238 | 24.180 | 15.478 | 134.628 |
| Ĉiuj . . | 143.804 | 89.814 | 71.454 | 52.574 | 357.646 |

3.950 geinstruistoj kondukas po 1 klaso, 2.487 po 2 klasoj; 434 po 3 klasoj kaj 815 po 4 klasoj. — En nomita jaro 1907—8 devus viziti lernejon: 253.767 knaboj, 217.771 knabinoj — do entute 471.538 geknaboj; sed vizitis ĝin: 223.018 aŭ 87·88 % knaboj kaj 134.628 aŭ 61·82 % knabinoj, entute 357.646 geknaboj aŭ 75·85 %. Sekve restas ekster lernejo 30.749 knaboj aŭ 12·92 %, 83.143 aŭ 38·18 % knabinoj kaj ĉiuj kune 113.892 geknaboj aŭ 24·15 %. En Bulgarujo vivas 4,035.603 loĝantoj.

## La manlaborado en germanaj lernejoj.

De *G. Becker*, instruisto en Riede (Hanovero-Germanujo).

La legantojn de la I. P. R. certe interesos ekscii iom pri la novaj klopodoj rilate manlaboradon en la lernejo. Dum kelkaj jaroj oni provas enkonduki pli kaj pli tiun ĉi branĉon de l' instruado en la popolaj lernejoj. Tamen tiuj ĉi klopodoj ne estas novaj.

Jam antaŭ 50 jaroj oni proponis alplenigi la unuflankan intelektan kleron per praktika edukado de la mano kaj de l' okulo. **Frederiko Fröbel**, fama germana pedagogo, starigis sian tutan edukan sistemon sur la bazo de la kreanta, aktiva lernado. Bedaŭrinde estas, ke sole la lernejoj por ankoraŭ ne lernaĝaj infanoj (ĝis 6 jaroj) akceptis tiujn ĉi ideojn. Estas vera, ke dum kelkaj jaroj ni havas iom da manlaborada instruado en kelkaj lernejoj. Sed tiu ĉi instruado ne estas ĝenerala kaj multfoje ne obliga. Krom tio ĝi ne estas kunligita al la aliaj branĉoj de l' instruado. Ofte ankaŭ ĝi estas tro meĥanika; ĝiaj intelektaj kaj edukaj valoroj ne estas sufiĉe konsiderataj. Tial dum kelkaj jaroj oni provas reformi tiun ĉi instruadon. Oni volas perfektigi ĝin en tri direktoj: 1. La manlaborada instruado devas fariĝi ne nur alpendaĵo de la cetera instruado, sed ĝia ĉefa bazo. 2. La perado de teknikaj lertecoj ne estu plu ĝia ĉefa celo. 3. Ĝi fariĝu rimedo por la tuta formado de l' intelekto kaj de la karaktero. Tiujn celojn oni atingos per konscia vidado kaj pripensanta kreado per ekkono de l' internaj interrilatoj de la objektoj. La praktikan efektivigadon de tiaj pensoj oni jam hodiaŭ povas vidi en kelkaj urboj de Germanujo, kvankam ĉie tiu ĉi movado estas nur en naskiĝo. Diversajn vojojn oni iras por atingi la celon: ekzercadon de l' mano kaj de l' okulo. Sed ĉiuj tiaj okupadoj manlaboraj apogiĝas sur la desegnado. Kiel la manlaborado en la geometria instruado estas efektivigota, montras verko de Young „La malgranda termezuristo,“ kiu per faldado kaj eltranĉado de papero instruas la tutan elementan geometrion. En la stereometrio oni povas per kelkaj simplaj bastonetoj, kartonoj kaj aliaj similaj objektoj krei pli klarajn nociojn ol per plane desegnitaj figuroj. Same estas en la instruado de la naturaj sciencoj. Kia ĝojo por la malgranda metiisto uzi pesilon, pendolon aŭ nivelilon faritajn de li mem. Plue la lernantoj povas formi en argilo aŭ plastilino karakterizajn formojn de bestoj aŭ partoj de bestoj. ekz. oston, denton, orelon. La principaj tipoj de geografiaj objektoj povas esti formataj en argilo aŭ sablo; tipaj dometoj estas konstruataj el papero aŭ kartono.[1]

Ĉiuj tiuj ĉi reformoj ne estas efektigeblaj de hodiaŭ ĝis morgaŭ. Ĉar unue la lernejoj ne havas proprajn laborejojn, kaj due ne ĉiuj instruistoj estas kapablaj, almenaŭ nun, doni tian instruadon manlaboran. Tamen estas sendube, ke iom post iom ĝi estos enkodukata pli kaj pli en ĉiuj lernejoj, kiel jam faris kelkaj grandaj urboj germanaj, ekz. Charlottenburg, Dresden, München, Mannheim kaj Leipzig.

# En la rusa lernejo.*

De prof. *K. Veleminský.*

Knabina lernejo en malproksima kvartaro de Moskvo. En la ĝardeno ligna teretaĝa konstruaĵo gastigas patrinan kaj urban lernejon. De 8 jaroj komencas en Rusujo vizitado de lernejo kaj tial sesjaraj infanoj troplenigus senpagajn patrinajn lernejojn. Sed ankaŭ en grandaj urboj ne ekzistas sufiĉe granda nombro da ili

[1] Germana firmo jam eldonas konstrukartonojn de tipaj loĝdomoj.

* Fragmento el pli longa artikclo en la ĉeĥa gazeto »Čas«.

kaj privataj estas karaj. Tiu ĉi instituto havas feliĉe eminentan direktadon kaj ankaŭ bone prosperas.

En rusaj lernejoj estas instruistoj en malplimulto. En la provinco, en vilaĝaj lernejoj preskaŭ ĉie oni renkontiĝas kun simpatia aperaĵo de rusa instruistino. Kaj la urbo Peterburgo absolute ne akceptas instruistojn por siaj elementaraj lernejoj.

Tiun ĉi lernejon direktas inteligenta instruistino. Ŝi kondukas gastojn tra loĝantaj lokoj de lernejo, en kiuj ĵus estas improvizata ekspozicio. Ĝi estas la ekspozicio de krea laboro infana. Malgrandetaj edukatinoj de patrina lernejo kaj maturiĝantaj knabinoj ekspozicias laborojn amuzajn kaj seriozajn. Tie ĉi la plej malgrandaj knabinoj eltondis el multekolora papero fabelajn scenojn, sian propran kreitaĵon. Tie ili pentris anoncajn bildojn por infana festo. Jen el argilo ili elfaris kokidojn kaj ĉarme ilin kolorigis, alie ili jam progresis al tutaj ilustraĵoj de rakontitaj fabeloj.

En la lernejĉambro por knabinoj de la unua klaso sekvas pli komplikitaj kaj pli precizaj desegnaj laboroj. Estas tie ĉi sufiĉe lerte desegnitaj diversaj objektoj de ĉiutaga bezono – neniam io artefarita, elpensita nur por la lernejo, — ankaŭ kajeroj estas sprite ilustritaj. Estas malgrandetaj ilustraĵoj ĉe matematiko, al kiuj en pli altaj klasoj viciĝas bildoj iniciatitaj per rakontoj geografiaj, historiaj kaj tutaj cikloj da ilustraĵoj por rakontoj kaj fabeloj el legolibroj. Geometrio, naturhistorio eluzas krean infanan aktivecon. Evolucio kaj vivo de kokido estas en la kajero por malnetaĵoj vigle desegnitaj, la knabino certe neniam ĝin forgesos. Kaj same bele estas desegnita tiu kaj alia skarabo, papilio. Ĉiun tiun laboron la instruistinoj direktas pripensite, cele, por ke oni ne malŝparu multe da tempo kaj por ke la junulina inklino al desegnado estu uzita por amuza fortikigo de scioj. Kaj propre plej agrable efikas, ke nenie oni vidas vantan desegnadon kaj ke la konduko estas liberigita de ĉia pedanteco. Rusoj jam ne ellernos nian pedantecon. Ilia lernejo estas interne pli libera, ŝajnas, ke pli ĝoja, pli porinfana.

En Rusujo ne ekzistas deviga vizitado de lernejo. Tio feliĉe signifas ankaŭ, ke almenaŭ elementara lernejaro ne sentas la pezon de oficista ordonado. Tial oni povas rimarki tiun viglan vivon inter lernejaj laborantoj. Oni eldonadas multajn legolibrojn (krestomatiojn), novajn alfabetlibrojn, ilustritajn librojn kiel bazo por ekzercoj en libera stilo parola kaj skriba, matematikajn librojn kaj enkondukas novajn metodojn enlandajn kaj fremdajn.

Plaĉis al mi kvarparta legolibro por pli altaj urbaj lernejoj kaj samtempe por pli malaltaj klasoj de mezaj lernejoj, kiu havas en ĉiu volumo almenaŭ 50 reproduktaĵojn de artaj verkoj rusaj kaj eksterlandaj. Pro sia literatura enhavo ĝi estas pli vere lernolibro por memlernado ol por mezaj lernejoj. Mi parolis pri ĝi kun lerneja grandrangulo, kiun la reakcia ministro Schwarz antaŭtempe pensiumis. „Ĉu la libro estas oficiale permesita?“ „Ne, tiujn ĉi tagojn scienca komisio riproĉis al ĝi iajn versojn de Puŝkin (!) kaj ankoraŭ du artikolojn“. „Domaĝe, pro tio la legolibro estas por ĉiam malebligita“. „Vi eraras, nur nun ĝi estos multe serĉata“. „Ankaŭ en lernejoj?“ „Kompreneble. Ĉiu pli vigla instruisto enkondukos ĝin“. „Kaj kion faros la inspektoro? Li ja ricevas nomaron de enkondukataj lernolibroj“. „La inspektoro ne ricevas la no-

maron, kaj kiam li venos lernejon, en la plej maloftaj okazoj li ion diros. Li scias, ke tio malmulte helpus. Vi fremduloj malbone komprenas nian oficialan ordon. La homoj faras en lernejoj, kion ili volas, nur malsaĝuloj demandas pli altan oficon. Kaj tiu poste, estinte demandita, devas ion ordoni — kaj sufiĉe."

Rusaj grandranguloj estas sinceraj, kiel oni vidas. La direktoro de meza lernejo, kiu konis bone la aferon ankaŭ en okcidenta Eŭropo, diris: „En Rusujo fremdulo estas nek disrevigita, nek surprizita, li simple miras". Vere, oni devas longe kutimiĝadi ol oni komprenas rusajn rilatojn. Kaj estas inter la plej kleraj pedagogoj sufiĉe da tiuj, kiuj sekrete ekĝemos: „Domaĝe, ke konstitucia ordo prenos al ni nuntempan liberecon". Estas en tio peco da vero. Kaj ankaŭ tio estas karakteriza, ke progresemaj lernejaj laborantoj ne estas tro entuziasmaj por la leĝo pri deviga lerneja vizitado kaj parto da ili esprimas sin kontraŭ ĝi. Ili havas por tio gravajn argumentojn.

En la lernejaro ekzistas ankaŭ aperaĵoj reakciaj. Antaŭ peterburga ministrejo por la kulto amasiĝis preterpasantoj. Vere malofta vidaĵo: preskaŭ sesdek vilaĝaj knaboj de ie de plej suda Rusujo en maristaj uniformoj staris tie ĉi en vico, kun longaj pafiloj sur ŝultroj kaj fikse rigardis oficiron kaj siajn instruistojn. Flanke staris ilia propra kapelo kun metalaj instrumentoj kaj kelke da tamburistoj. Post ili uniformita inspektoro, aranĝinto de tiu ĉi spektaklo, maljuna, griza homo. Caro legis ie, laŭdire, pri militistaj regimentoj de prusa junularo kaj faris rimarkon, ke li dezirus, ke io simila okazu ankaŭ en Rusujo. Sekvis oficiala cirkulero tra tuta sankta Rusujo kaj sole unu inspektoro entuziasmiĝis por tiu ĉi novaĵo, en forgesita gubernio ie oriente de Odeso. Kaj nun li veturigis senpage siajn bluigitajn viretojn dum tri tutaj tagoj kaj noktoj en vagonaro Peterburgon kaj Carskoje Sjelo, ke li prezentu ilin al malgrandeta carido. La infanoj alveturis ĉefurbon lacigitaj, al ili estis donita oficiro kiel komandanto kaj gvidanto tra peterburgaj stratoj. La carido akceptis ilin favore kaj rekompencis maloftajn patriotajn sentojn per brodita standardo . . .

Tradukis *Marie Kunovská*, instruistino en Bystřice-Hostýn (Moravio).

# El Nova Zealando.

Elĉerpaĵoj el la raporto de la ĉef-inspektoro de la Nov-Zealandaj lernejoj pri la lernejoj de Eŭropo en 1907.

Mi proponas preni Svislandon kiel tekston por tio, kion mi deziros diri pri la lernejoj de Eŭropo aldonante tiajn detalojn el aliaj landoj, kiaj firmigos kaj plilarĝigos la lecionojn lernindajn de tiu ĉi lando.

Malgraŭ la fakto, ke Svislando estas pli plenhomhava lando, en multaj rilatoj ĝi similas la kolonion de Nov-Zealando

La spirito de la popolo estas treege demokrata, la riĉaĵoj estas larĝe disdividitaj, la ekstremoj de riĉegeco kaj malriĉeco estas preskaŭ nekonataj. Plue, la industrioj de la popolo estas fabrikaj kaj terkulturaj, kvankam en Svislando fabrikoj superas, dum en Nov-Zealando terkulturo nuntempe estas la plej grava industrio.

El ĉiuj landoj, vizititaj de mi, Svislando havas kredeble la plej plenan edukadan sistemon, kun la jenaj celoj: 1. Malfermi kari-

eron por ĉiu ŝtatano. 2. Pretigi ĉiun ŝtatanon por kariero, tio estas, por la laborado, kiun li faros en la ŝtato.

Pri tiuj ĉi celoj la malgranda respubliko sukcesis grandamezure, kaj tial ĝi povas montri lecionojn de ekzemplo pri praktika laborado al multaj aliaj ŝtatoj ĝenerale taksataj kiel pli gravaj . .

Pri edukadaj metodoj, li diris: „Laŭ mia observado tiuj ĉi estas tre bonaj. En ĉiuj lernejoj, elementaraj, duagradaj kaj profesiaj oni instruadas tre zorge pri la nacia lingvo, la lernantoj parolas klare kaj nature pri la aferoj de la ĉiutaga vivo aŭ de la naturostudado. La ordinaran sperton de la lernantoj oni pligrandigaj per vizitoj de fabrikejoj kaj metiejoj, per promenadoj en la kamparo kaj per la eluzado de la objektoj en la lernejaj muzeoj, kius ĝenerale estas tre bonaj".

La edukado estas tia, ke ĝi faras tre inteligentajn laboristojn kaj ŝtatanojn; la kulturo ne oferiĝas, la edukado de la artista gusto estas speciala trajto en svislandaj lernejoj. Altan, ne mallarĝan patriotismon, tia edukado kuraĝigas.

. . . Se oni demandas min pri la ŝlosilo al la sukceso de la svislandaj kaj germanaj metodoj de instruado, mi sendube devas respondi, ke la principa elemento de sukceso estas la elfareco de la instruado. Kredeble tio estas prozeca eco, sed instruistoj kaj lernantoj verŝajne estas inspirataj per ĝi. La efektiveco de la instruisto devenis ne nur de lia fervora kredo en la superega valoro de la edukado, sed ankaŭ de la lerteco akirita per lia propra bonedukiteco. En tiuj ĉi landoj ne estas loko por la nesufiĉe lerninta instruisto.

*E. G. Sherriff* el Nova Zealando.

# Egale edukadi ambaŭ manojn.

El la serba revuo »Pregled«.

De kelka tempo okupas sin pli granda nombro da instruituloj per la ideo forigi unuflankan edukadon de la nur dekstra mano infana kaj ambaŭ manojn fari egale lertajn. La homaro sendube perdas grandan kvanton da kapabloj por la laboro tial, ke la maldekstra mano estas malzorgata. Tutan vicon da laboroj oni povus samtempe entrepreni, aliajn oni povus fini pli rapide, ĉe la aliaj laboroj oni forigus ĉian lacecon per interŝanĝa uzado de la manoj kaj per tio pligrandiĝus labora kapablo. De la militistara vidpunkto la batalkapablo grandioze pligrandiĝus, kaj de la praktika vidpunkto estus granda gajno por la ĉiutaga vivo.

Liberty Tadd en Philadelfio gvidas unu ambaŭ-manan artmetian lernejon jam 25 jarojn, kaj en ĉiuj lernejoj de Philadelfio estas enkondukita ambaŭ-mana instruado por ĉiuj manobjektoj. En Londono ekzistas societo por prosperigi dumanan laboron, kies gvidanto estas John Jackson, kiu elpensis skribon por ambaŭ manoj kaj enkondukis ĝin en multajn lernejojn. Se oni komencas frue ekzerci multnombrajn infanojn, oni atingos egalan sukceson de ambaŭ manoj. Tiu ĉi movado en Germanujo estas de pli nova dato. En Berlino, en mastruma lernejo, oni provis ekzercigi la lernantinojn per ambaŭ manoj, sed estas certe, ke ĉe tiel malfrua provo oni ne povas atingi deziritan sukceson. En Königsberg antaŭ-

staris je tiu ĉi movado profesoro Walter Simon, enkondukis en multaj lernejoj uzadon de la maldekstra mano kaj atingis belan sukceson.

Oni bezonas nature multe da laboro ĝis kiam tuta instruado kaj edukado ekprenas principon de la ambaŭ-mana edukado; por tio devas egale interesiĝi je tiu problemo pedagogoj, kuracistoj, sociaj reformistoj, ŝtathomoj, ĉar: „sama valoro de ambaŭ manoj estos unu el la plej gravaj progresoj de nia lernejaro, kaj alportos kun si plenan turniĝon en tuta edukado", tiel diris anglo Jackson.

Tradukis *Uroŝ Avdaloviĉ,*
instruisto en Zavala, Hercegovino.

## Rekrutaj ekzamenoj en Svisujo.

*J. Tews* en la gazeto »Pädagogische Zeitung-Statistische Beilage«.

La svisaj rekrutoj estas ekzamenataj pri legado, pri verkado de ellaboraĵoj, pri kalkulado kaj pri kono de la patrujo. Kiamaniere tiu ekzameno efektiviĝas, pri tio informas la regularo por pedagogiaj ekzamenoj faritaj dum la asentado de l' rekrutoj La ekzameno rilatas ne nur al tiuj, kiuj aliĝas al militistaro, sed al ĉiuj, kiuj alvenis, por esti akceptitaj. La ekzamenanto ĝenerale ne ekzamenas en tiu kantono, al kiu li apartenas. Oni ekzamenas la rekrutojn en la gepatra lingvo. Jenaj notoj (gradoj) estas donataj:

*Legado.*

Noto 1: Lerta legado kun laŭsenca akcento kaj ĝusta libera rerakonto laŭ enhavo kaj formo.
Noto 2: Meĥanika lerteco en la legado kaj kontentiga rakontado rilate al la enhavo de la legaĵo.
Noto 3: Malpli kontentiga meĥanika legado kun ioma kompreno de la legaĵo.
Noto 4: Mankhava legado kaj tute nesufiĉa rakontado de la enhavo.
Noto 5: Malkapabla por legi.

*Verkita ellaboraĵo.*

Mallonga skribaĵo (Letero).

Noto 1: Laŭ enhavo kaj formo tute aŭ preskaŭ korekte.
Noto 2: En logika rilato kontentiga kun pli malgrandaj aŭ kelkaj pli grandaj eraroj gramatikaj.
Noto 3: Malmulte kapabla rilate al la skribo kaj gramatika formo, sed ankoraŭ resuma komprenebla esprimo.
Noto 4: Malgranda sukceso, por la praktika vivo preskaŭ senvalora.
Noto 5: Tute senvalora sukceso.

*Kalkulado.*

Praktikaj taskoj kun tekstoj. Difinante la noton por la kalkulado, oni uzadas la mezonombron, konsiderante la kapkalkuladon kaj la ciferkalkuladon.

Noto 1: Lerteco en la 4 aritmetikaj agoj kun tutaj kaj decimalaj ciferoj entenante la (decimalajn) partumojn, kono de l' metra sistemo kaj de l' ordinaraj burĝaj kalkulspecoj.

Noto 2: La 4 aritmetikaj agoj kun tutaj nombroj kaj simplaj partumformoj.

Noto 3: Kalkulado kun malgrandaj tutaj nombroj en facile kompreneblaj kunmetaĵoj.

Noto 4: Sumigado kaj subtrahado de malgrandaj nombroj (skribe nur malpli ol 10.000). Iom lerta uzado de l'multobliga tabelo dum la parkera kalkulado.

Noto 5: Nescio de l'ciferkalkulado kaj malkapableco sumigi duciferajn nombrojn.

*Kono de la patrujo.*

Geografio, historio, konstitucio.

Noto 1: Ĝusta kompreno de l'svisa karto geografia kaj kontentiga rakonto de l'ĉefaj okazintaĵoj el la patruja historio kaj el la federacia kaj kantona konstitucio.

Noto 2: Ĝustaj respondoj al kelkaj demandoj, kiuj rilatas gravajn fakojn el la tri teritorioj.

Noto 3: Kono de kelkaj facile kompreneblaj faktoj el la tri fakoj.

Noto 4: Respondo al kelkaj plej elementaj demandoj el la landkono.

Noto 5: Plena nescio de l'kono de la patrujo.

Unu de milita departemento akceptita propono enhavas difinojn por ĉiuj 4 fakoj. Alcelante konforman efektivigon de tiuj ekzamenoj, la samcelanaj ekzamenantoj ĉiujare estas kunvokataj al konferenco kaj la kantonaj (helpantoj) almenaŭ post ĉiuj 3 jaroj antaŭ la komenco de l'rekrutado. Unu pedagogia ĉefekzamenantoj, elektita de milita departemento, gvidas tiujn konferencojn laŭ ricevitaj instrukcioj; krom tio li ĉeestas dum la ekzamenoj kaj alcelas, por ke la tasko de l'meritoj ĉiuloke interkonsentu. Post la ekzamenoj li esploras unu parton de l'skribe efektivigitaj ellaboraĵoj; li ĉiam estas kunligita kun la ekzamenantoj. Li raportas al la milita departemento pri siaj entreprenoj kaj sukcesoj, faritaj dum la ekzamenoj kaj sciigas la necesajn proponojn.

La pedagogia ekzameno estas publika. La aŭskultantoj estas devigitaj sin deteni de kiuj ajn kontraŭdiroj, malhelpoj kaj de ĉiuj interkomunikiĝoj kun la ekzamenatoj. La raporto pri la ekzamenaj rezultatoj de l'jaro 1898 (Huber: Jarlibro pri la instruado en Svisujo 1898) detale raportas: „La ekzamenoj de l'rekrutoj, de aŭtuno 1898, pruvas, ke la fruktoj de laboro energia, celkonscia sin montras en kelkaj kantonoj kiuj pli frue apartenis al la plej malmulte progresemaj. Kelkaj de tiuj kantonoj konkuras kun la preferaj kantonoj, koncerne la alceladon de bonaj rezultatoj. Por senkulpigi kaj klarigi la senscion de l'rekrutoj en antaŭaj tempoj, oni montris sur la tieaj lokaj, por tiel diri: naturaj malfacilaĵoj koncerne la vizitadon de la lernejoj. Ankaŭ la profesia kunmeto de la terkulturista loĝantaro al la tuto de la loĝantaro, estis rigardita kiel natura malfacilaĵo, kiu influas la rezultatojn de la ekzamenoj. Tre ĝoje oni povas konstati, ke kelkaj provincoj — kies topografio montras montegaran karakteron kaj kies junularo plej multe konsistas el terkulturistoj — kaŭze de la ekzamenoj, faritaj en lastaj jaroj, montris grandan nombron da bone instruitaj junuloj. Kiel oni vidas,

ĉiuj malfacilaĵoj estas forigeblaj kaj ĉio povas aliiĝi kaj pliboniĝi!" — De 1904 oni interkonsentis en Svisujo, esplori ankaŭ la fizikan forton de l'rekrutoj. Oni difinas la fizikan forton laŭ la levado de halteroj kaj laŭ la saltado kaj kurado.

Tradukita laŭ la artikolo »*Deutsche und schweizerische Bildungsstatistik*« el la gareto »*Pädagogische Zeitung*« (Statistische Beilage).

*Alois Halamasek* (Malspra-Aŭstrio).

# Internacia asocio por la racia edukado de la infano.

## Proklamo de la principoj.

La „Internacia asocio por la racia edukado de la infano" estas fondita laŭ la sekvantaj principoj:

1. La edukado, kiun oni donas al la infanoj, devas havi realan kaj racian fundamenton; tial oni forigos el ĝi ĉiujn mistikajn aŭ supernaturajn konojn.

2. La instruado estas nur parto de la edukado. La edukado devas, flanke de la formado de la spirito, la vastigo de la energio kaj la eduko de la volo, konsisti el: la preparo de individuo vastigita tiel morale kiel korpe, kies estas harmonie kunigitaj kaj estas portitaj ĝis sia plej alta forto.

3. La morala edukado, multe malpli teoria ol praktika, devas trovi sian fundamenton en la ekzemplo kaj esti apogata sur la granda leĝo de solidareco.

4. Estas necese, precipe en la instruado de la unua infaneco, ke la programoj kaj metodoj kiel eble plej akurate akordiĝu kun la psikologio de la infano.

Tio preskaŭ nenie okazas, ne pli en la publika ol en la privata instruado.

Jen estas la veroj, la principoj, kiuj naskis la „Internacian asocion por la racia edukado de la infano".

Ĉiu membro prenas sur sin la moralan promeson fari, en sia ĉirkaŭaĵo kaj laŭ sia eblo, ĉion eblan por praktikigi tiujn principojn. La asocio forte helpos lin en tiu tasko.

Tia asocio reprezentas grandan sumon da bonvolo, kiu devas doni efikajn rezultatojn.

## Regularo.

I. Asocio estas starigita sub la nomo „Internacia asocio por la racia edukado de la infano". Ĝi celas enpenetrigi la ideojn de scienco, libereco kaj solidareco en la instruadon kaj tion en ĉiuj landoj. Ĝi samtempe intencas reserĉi kaj kuraĝigi la metodojn, kiuj plej bone akordiĝas kun la psikologio de la infano, kaj kiuj permesas akiri la plej efikan rezultaton per la malpleja penado.

II. La asocio faras konstantan propagandon sub ĉiuj formoj, pli speciale celantan la edukistojn kaj la familiojn.

III. Oni fariĝas membro de la asocio aliĝante al proklamo de la principoj, kiu servas kiel fundamento kaj pagante jaran kotizaĵon 1·20 fr. (Sm 0·48) almenaŭ.

Jam ekzistanta societo, kiel ankaŭ sola persono povas fariĝi membro de la asocio

La asocio povas havi sekciojn kaj grupojn en ĉiuj landoj, kies agado dependas de interkonsento kun la „Internacia komitato de iniciativo kaj direkcio", starigita laŭ la artikolo V. citata tie ĉi sube

Kiam formiĝis grupo, ĝi povas, por la bezonoj de sia agado, rezervi por si la 3/4 de la kotizaĵoj; tio estas 0·90 fr. (Sm 0·36) po membro, kaj devas nur doni 1/4 de ĝi (0·30 fr. = Sm 0·12) po membro al la centra komitato de la asocio.

V. La direkcio de la asocio apartenas al la „Internacia komitato de iniciativo kaj direkcio", havante almenaŭ 5 kaj ne pli ol 15 membrojn. Ĉiaj membroj estas nomitaj de la ĝenerala kunsido, por daŭro de 5 jaroj. Ili estas reelekteblaj. La komitato povas esti plenigita per la aldono de novaj membroj, elektotaj de la komitato.

Tiuj elektoj devas esti aprobitaj de la plej proksima ĝenerala kunsido.

La unua „Internacia komitato de iniciativo kaj direkcio", kies funkcioj finiĝas je la ĝenerala kunsido de 1913, konsistas el la personoj: F. Ferrer (Hispanujo), prezidanto; C. A. Laisant (Francujo), vicprezidanto; E. Haeckel (Germanujo); J. F. Elslander (Belgujo); William Heaford (Anglujo); Giuseppe Sergi (Italujo); H. Roorda Van Eysingo (Svisujo); fraŭlino Henriete Meyer, sekretariino.

VI. Oni ankaŭ starigis „Internacian propagandan komitaton", kies nombro de membroj estas senlima. Ĉiaj membroj estas elektitaj de la „Internacia komitato de iniciativo kaj direkcio". La elekto estas prezentota al la aprobo de la plej proksima ĝenerala kunsido.

VII. La asocia sidejo estas en Paris, boulevard St. Martin, 21. Ĝi povas esti translokita en ĉiun alian lokon laŭ decido de la „Komitato de iniciativo kaj direkcio".

VIII. La revuo „L'Ecole Renovée" (La Renovigita Lernejo) estas la organo de la asocio.

IX. Ĝenerala kunsido estas kunvokata ĉiujare laŭ la instigo de la „Internacia komitato de iniciativo kaj direkcio". Tie oni komunikas la raporton pri la materiala kaj morala stato de la asocio, priparolas, se estas necese, la decidojn kaj decidas pri la punktoj de la tagordo.

X. La supredirita regularo povas esti ŝanĝita nur de la ĝenerala kunsido post proprono de la „Internacia komitato de iniciativo kaj direkcio".

XI. La disigo de la asocio povas esti decidita nur de eksterordinara ĝenerala kunveno, intence kunvokita pro tio kaj per plimulto de almenaŭ 3/4 de la ĉeestantaj aŭ reprezentitaj membroj.

*

La membrokarto de la Asocio, kiu estas sendita al la aliĝintoj, servas kiel kvitanco. Specimena numero de la revuo „L'Ecole Rénovée" estas sendata al tiuj el la aliĝintoj, kiuj tion postulas de s-ro Elslander, 76, rue de l'Orme, en Bruselo (Belgujo).

Oni estas petataj doni la numeron de sia membrokarto.

„Internacia propaganda komitato“: F. Ferrer (Hispanujo), prezidanto, C. A. Laisant (Francujo), vicprezidanto. — Francujo: Karolo Albert, Georgo Aliez, Margareto Belke, R. Bernad, G. Béver, Leono Bonneff, Maŭrico Bonneff, R. Bricard, Emm. Carvallo, Em. Collin, Em. Costa, Alb. Crémieux, G. Darzens, Lucien Descaves, Sébastien Faure, H. Féry, Grandjouan, Jouanard, Georgette Leblanc, Julien Le Gros, Alb. Lévy, R. Louis, Charles Malato, Victor Margueritte, Louis Matha, Maxime Mattei, J. Maurice, La Mireille, Alfr. Naquet, Fél. Numietzka, Ottamani, Philibert, Rebuffé, Léonie Rouzade, L. Santucci, Ern. Savin, Anna Thieck, L. Tripard, L. Trousselier, G. de Vaulabelle. Belgujo: J. F. Elslander. Germanujo: Géo. Caffrey, Ernesto Haeckel. Alzacujo: L. Baffrey, L. Lippmann, Libres-Penseurs (Colmar). Anglujo: W. Heaford, L. Portet. Italujo: Dro Andreo Boutkewitsch, prof. Rodiva, G. Sergi, prof. Serra Pontis. Portugalujo: J. de Barros, Ad. Lima. Holandujo: Domela Nieuvenhuys. Svisujo: Roorda van Eysingo, Turkujo: Ohannès Hintlian. Argentina Respubliko: Herm. Calabaza, Angel Faleo.

*

Vi legis la proklamon de la principoj de la „Internacia asocio por la racia edukado de la infano“. Vi ankaŭ konatiĝis kun ĝia regularo. Ni nur aldonos kelkajn vortojn.

Kiam vi deziras kiel kaj kun ni, ke saĝo kaj vero regu la homaron, anstataŭ antaŭjuĝo kaj malvero; kiam vi volas kiel kaj kun ni, ke la paco sekvu la perforton; kiam vi pensas kiel kaj kun ni, ke la plej necesa kaj plej efika tasko estas prepari sanajn cerbojn kaj fortikajn spiritojn en la estonta generacio; kiam estas tiel, venu al ni. Donu al la asocio, al v i a asocia la kunhelpon de la frate kunigitaj bonvoluloj. La materiala apogo, kiun ni postulas de vi, estas malgranda. Via morala apogo estas multe pli valora. Instruistoj, liberigu viajn infanojn; tiel vi liberigos vin mem. Patroj — kaj patrinoj precipe — vi amas, vi amegas viajn infanojn: liberigu ilin el la spirita sklaveco, en kiu la homaro tiom da jarcentoj estas interniĝita. Kunigu viajn klopodojn kun niaj por tiu ĉi liberiga afero, kiu sole povas antaŭenpaŝigi la homaron sur la vojo a, plej bona estonteco, kiu seninterrompe kondukos al pli da verecol nobleco kaj boneco.

Ni forigu niajn infanojn el la medio de malklareco kaj malbeleco, en kiu ni estas vivintaj.

Ni konduku ilin al la beleco, al la lumo.

Por la „Internacia komitato de iniciativo kaj direkcio“

*C. Laisant,* vicprezidanto. *H. Mayer,* sekretariino. *F. Ferrer,* prezidanto.

Tradukis *Johano Jacobs,*
instruisto en Antwerpen (Belgujo).

## Levilo de l' progreso.

Se la evolucio estas eterna fundamenta leĝo de l' vivo, do ĉiu vera instruisto devus esti progresemulo. Li estas gvidanto aŭ direktanto de evolucio inter la plej junaj generacioj. Ĉi tiujn generaciojn li devas levi kiel eble plej alten, ĉar la plua vivo mem posedas superfluon da tiaj iloj, kiuj malhelpas la progreson. Kiu

restis malantaŭe jam en la komenco, tiu estas kondamnita por mizere vegeti. La lernejo do ne povas esti loko de konservatismo.

Plej bona levilo de l'progreso en lerneja edukado estas — laŭ mia opinio — senĉesa malkontenteco de la instruistaro .... Se mia estro (inspektoro k. s.) estas jam kontenta, mi mem ne povas esti tia. Al la estro mi respondas pri mia agado nur oficiale; sed morale kaj vere mi devas respondi al mia konscienco. Kaj ĝi ordonas, ke mi volu ĉiam ion pli bonan. Antaŭen kaj pli supren! ....

La malkontenteco de instruisto devas esti akompanata de kritika spirito, kiu ĉe ĉio demandas: „Estas tio, pri kio mi devas instrui, efektive plej bona? Ĉu oni ne povas tion plibonigi? Kia utilo devenas de tio por la evolucio de miaj lernantoj? Ĉu mi troviĝas sur la ĝusta vojo? k. t. p. — Ekzemploj: Instruado pri la gepatra lingvo. Ĉu estas necese, ke la infanoj antaŭ ĉio sciu, ke ekzistas substantivoj, adjektivoj, verboj k. t. p.? Ĉu ni ne malŝparas tempon, kiam ni senfine parolas pri ortografiaj strangaĵoj, kiuj estas nur blindaj historiaj okazoj, sed ne estas necesaj por la lingvo? — Certe, pli bona, vera kaj utila fariĝus la instruado, se ni forĵetus senbezonajn gramatikaĵojn, simpligus ortografion (por ke ĝi fariĝu tute fonetika kiel la esperanta ortografio) kaj donus al niaj lernantoj la belegan lingvon, per kiu sonas, sonoras, tondras, karesas, ridas, kantas, varmigas, entuziasmigas riĉaj fruktoj de la literaturo nacia kaj de literaturoj alinaciaj. — Matematiko. Kial oni konstruadas diversajn kalkulilojn, kial oni turmentas infanojn per sensangaj ciferoj, per antipatiaj taskoj, — se la naturo kun siaj milionoj da verdaj folioj, multekoloraj floroj, logantaj fruktoj, kun siaj amasoj da suĉbestoj, birdoj kaj aliaj bestoj estas la plej bona kaj interesanta kalkulilo, kaj se la vivo estas plej riĉa fonto de ĉiuflankaj kaj veraj taskoj? — Naturscienco'j. Ĉu ne estas terura eraro, kiam ni tenas infanojn en malvastaj klasoj, rakontante al ili tie pri diversaj naturaĵoj, pri naturaj fortoj, pri homaj laboroj, pri niaj pejzaĝoj kaj landoj, pri steloj k. t. p., sed lasante la efektiva econ flanke kuri? Niaj infanoj eble devus vivi antaŭe en la libernaturo kaj meze de la vivtumulto, tie observi, kompari, provi, kolekti spertojn, — kaj poste kunveni en lernejoj, por trankvile ordigi, alplenigi kaj pliprofundigi sciojn kaj spertojn.

Tiamaniere devas la kritika spirito konstante revizii la tutan lernejan sistemon, kaj — trovinte ion malbonan — penadi pri plibonigo.

Mia opinio estas: Kiam ni fondos la edukon sur la bazo tute natura, tiam ne estos bezone plu elpensadi aŭ imitadi diversajn edukajn sistemojn. Ankaŭ la plej bona metodo leviĝos mem de la natura edukado.

*F. Pátek*, instruisto en M. Losenice, Bohemujo.

*Legoĉambroj por gelernantoj dum la vintro.* De mezo de novembro 1909 ĝis komenco de marto 1910, labortage posttagmeze de la tria ĝis la sesa, kelkaj lernĉambroj restis malfermataj en Charlottenburg'aj lernejoj (apud Berlino). La ĉambroj donis okazon al tiuj infanoj, kiuj hejme ne havas varman lokon, necesan silenton kaj sufiĉan lumadon, fari laborojn lernejajn aŭ legi bonajn librojn, kiuj tie ĉi senpage estas pruntataj. *Uhl.*

# La unua scienca eldono de ĉiuj verkoj de J. A. Comenius,

reformanto de instruado, apostolo de repaciĝo kaj fratiĝo de nacioj per artefarota lingvo kaj civilizacio universala.

»Al bona afero havas rajton ĉiuj nacioj.«*
*Andreae* al *Comenius*.

Oni vivas en la tempo, kies penadoj kaj celadoj multe similas al penadoj kaj celadoj de la plej bonaj homoj de la XVII. jarcento, pri kiu la samtempulo, J. A. Comenius, skribis, ke tio estis „epoko laborinta por nasko de io mirinda".

Kaj kion la tempo. la homo sopiras, tion oni volonte serĉas en la estinteco, en la historio. Tiel leviĝas en nia jarcento pli alten kaj alten la granda genio de la XVII. jarcento — la genio ĝis nun ne sufiĉe ŝatata, ĉar ne sufiĉe kaj ne plene konata — viro de sopiroj — J. A. Comenius.

Kompreneble. — Oni ne povas havi klaran ideon pri Comenius kiel pedagogo-reformulo, se oni ne konas ankaŭ liajn verkojn filozofiajn kaj religiajn, liajn penadojn enciklopediajn, paciĝantajn, kaj fratiĝantajn, kies ero estis pedagogie reformaj penadoj de Comenius.

Kaj tamen, kvankam la efikejo de Comenius estis ne malgranda parto de civilizita mondo de la XVII. jarcento — pro kio oni nomas Comenius „instruisto de nacioj" — kaj lia laboro enhavas preskaŭ ĉiujn fakojn de tiama scio, tamen ne trovas sin liaj verkoj eĉ en ĉiuj la plej riĉaj kaj gloraj bibliotekoj.

Tiel estas konata nur malgranda parto precipe de pedagogie-didaktikaj verkoj de Comenius, sed verkoj filozofiaj, religiaj, apokalipsaj, poemaj, politikaj k. t. p. restas por la mondo nekonataj, kvankam ili ne estas neaktualaj.

Tial la „Centra asocio de ĉeĥaj societoj geinstruistaj" en Moravio (Aŭstrio), kie Comenius naskiĝis, vidante, ke plena scienca eldono de ĉiuj verkoj de Comenius restadas nur urĝa postulo de nia tempo, decidis mem antaŭstarigi la tutan Comenius al la tuta mondo . . .

Ke tiu entrepreno estas grandega kaj helpinda de la tuta mondo civilizita — kiu volus aŭ povus serioze nei?

Ke la verkaro de Comenius estas vere aktuala, ĝis nun viva kaj eterninda, tion elokvente atestas ankaŭ la germana „Comenius-Gesellschaft" (Societo de Comenius), kies celo estas: studi vivon kaj penadojn de Comenius kaj en lia sento kaj spirito pluen labori.

Tiel ŝajnas, ke vere alvenas la epoko, antaŭdirita de Leibniz 1671 per vortoj: „Ho, Comenius, alvenos la tempo, kiam amaso da bonaj homoj okupados sin pri vi, viaj agoj, esperoj eĉ penadoj . . ." Atestas tion ankaŭ tio, ke neniam ĝis nun estis en diversaj landoj tiom kaj tiaj da konantoj de Comenius, kiom kaj kiaj oni vidas en la nomaro de kunlaborantoj de entrepreno de

* En la intereso de tiu ĉi bona afero kaj ankaŭ nia ideo (esperantismo) ni petegas publikigi tradukon de tiu ĉi artikoleto en naciaj sciencaj, precipe instruistaj, pedagogiaj kaj bibliotekaj (bibliografiaj) revuoj kaj en sciencaj aldonoj de jurnaloj. Dokumentojn pri publikigoj danke akceptas kaj kvitancas per kolekto da poŝtkartoj kun arta portreto de Comenius — *Jos. Krumpholc, Bystřice-Hostýn, Moravio, Aŭstrio.*

moravia geinstruistaro. Jam el tiu nomaro de 9 diversnaciaj kunlaborantoj sciencaj oni povas vidi, ke tiu ĉi eldono de verkoj de Comenius estos severe scienca, kion garantias jam la sola nomo de la ĉefa redaktoro Dro J. Kvačala, prof. de la universitato en Jurjev (Dorpat, Rusujo).

Ĉiu verko havos enkondukon pri sia origino kaj sekvo de pensoj, pri sia historio kaj bibliografio. Al ĉiu volumo estos aldonitaj registro de nomoj kaj rimarkoj pri personoj kaj lokoj. Ĉiuj volumoj enhavos ankaŭ faksimilojn de presaĵoj, ilustraĵoj k. t. p.

Ĉiuj verkoj estas dividitaj laŭ la enhavo je 30 volumoj. Per tio estas dividita ankaŭ la eldonado por kelke da jaroj, kaj tiel ankaŭ la „oferoj" de tiuj, kiuj materiale ebligos tiun ĉi grandan kaj valoran entreprenon.

Verkoj filozofiaj eliros en 3 volumoj en la j. 1912–1919; pedagogiaj en 8 volumoj (1910–1920); religie-sciencaj en 3 volumoj (1912–1919); religie-praktikaj en 4 volumoj (1910 ĝis 1918); apokalipsaj en 4 vol. (1920–1923); politikaj en 1 volumo (1916); poemaj en 1 vol. (1917); historiaj en 1 vol. (1918); korespondaĵo, enskriboj, fragmentoj, rimarkoj kaj registroj pri objektoj kun ĝenerala registro pri personoj en 5 volumoj (1916 1923). – La prezo de la unua volumo (XV.) 517 paĝa, kiu ĵus aperis, estas 4 Sm. – Administracio de V. S. K. en Zlín (Moravio Aŭstrio).

N. B. Por antaŭaj studoj elirados samtempe, sed en neregulaj limtempoj arĥivo por esplorado pri vivo kaj verkoj de J. A. Comenius, nomata „Archiv pro bádání o životě a spisech Jana Amosa Komenského". – Redaktoro de arĥivo estas ankaŭ Dro J. Kvačala, prof. de la universitato en Jurjev (Dorpat, Rusujo). – Unua volumo ĵus aperinta kostas 1 K – 1·20 Mk – 1·50 Fr.

Ĉiujn demandojn aliajn respondos

*Jos. Krumpholc*, instruisto, Bystřice-Hostýn, Moravio-Aŭstrio

## Internacia Asocio de Instruistoj (I. A. I.)

*Novaj membroj* de I. A. I., kiuj aliĝis de la 15. VII. ĝis la 1. XII. 1910 kaj pagis la kotizaĵon por unu jaro: 348. Jul. Procházka, Mor., 349. Dro Stromboli, Ital., 350. Taravant, Franc., 351. Kennedy M. A., Skotl., 352. Linarés, Hisp., 353. Flowers, Usono, 354. Mkrtiĉjan, Rus., 355. Webber, N. Zealando, 356. Sauzède, Franc., 357. Aizière, Franc., 358. s-ino Giraudet, Franc., 359. Schendeler, Nederl., 360. Sakoviĉ, Rus., 361. Valev, Bulg., 362. Breur, Nederl., 363. Dibble, Usono. – *Malnovaj membroj*, kiuj jam pagis sian kotizaĵon por la dua jaro: s-roj Drudin, Tétaud, Schwarz, Caron, s-ino Zapater-Chalmot, Stuarth-Menteath, Nerson, Fafet, Anfroy, B. Głuchowski, Lustyk, Heinl, frl. Jandová, Elenius, Gruza, frl. Hubert, Lespagnol, Šlejferka, frl. Tesařová (3 K), Eggleton, frl. Hamand, Charvát, Kellenberger (3·60 K), Wichert, Popov, Hurtado, Laustsen, Hesselager, Heilmann, Pirot, Anschau, Le Séac'h, Punko Marques (10 K).